# junamiko

32a jaro, n-ro 2/05 (113)

SEPTEMBRO 2005

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ



FOTO: SALIKO

Tri knabinoj el la dancistoj "Bulonjaj Sunoj"
La danc-grupo prezentis al la jubileuloj la iaman maristan vivon per rakontoj, dancoj kaj kantoj.




Antaŭ la teatro Monsigny, kie okazis la inaŭguro de la 1a UK en 1905 kaj la ĉi-jara jubilea kunveno.

Interne de la teatro. Cent-jariĝo. La solena malfermo la 26an de marto.



1905-2005

# 100 JAROJ KUN ESPERANTO-KONGRESOJ

En la kuranta jaro, esperantistoj honoras la 100-jariĝon de internaciaj Esperanto-kunvenoj. Unue, en marto 2005, okazis la renkontiĝo **„Boulogne 2005"** en la franca apudmara urbo Bulonjo, kie la iniciatinto de Esperanto, *L.L.Zamenhof*, kun preskaŭ 700 samideanoj, kongresis en aŭgusto 1905. Nun, cent jarojn poste, estis ripetita lia parolado en la sama teatro, kie oni kongresis tiam. Estas kvazaŭ miraklo, ke la teatron evitis la bomboj de la dua mond-milito, kvankam 85% el la urbo detruiĝis.

En la lasta semajno de julio 2005 okazis la **90a Universala Kongreso** (UK) en Vilno, Litovio. Ĉu vi scias, kial nur la 90a, kvankam oni festas 100-jariĝon? Ĉar la mondmilitoj malebligis kongresadon en 1916-1919 kaj 1940-1946.

*S-ino Saliko el Finnlando*

## *Citaĵoj el la parolado de Zamenhof en Boulogne-sur-Mer la 5an de aŭgusto 1905*

*... En la plej malproksima antikveco, kiu jam de longe elviŝiĝis el la memoro de la homaro, kaj pri kiu nenia historio konservis al ni eĉ la plej malgrandan dokumenton, la homa familio disiĝis kaj ĝiaj membroj ĉesis kompreni unu la alian. Fratoj, kreitaj laŭ unu modelo ... disiĝis ŝajne por ĉiam en malamikajn grupetojn, kaj inter ili komenciĝis eterna milito. Profetoj kaj poetoj revadis pri la tre malproksima nebula tempo, en kiu la homoj denove komencos komprenadi unu la alian kaj denove kuniĝos en unu familion; sed tio ĉi estis nur revo.*

*... Kaj nun la unuan fojon la revo de mil-jaroj komencas realiĝi. En la malgrandan urbon de la franca mar-bordo kunvenis homoj el la plej diversaj landoj kaj nacioj, kaj ili renkontas sin reciproke ne mute kaj surde, sed ili komprenas unu la alian, ili parolas unu kun la alia kiel fratoj, kiel membroj de unu nacio. Ofte kunvenas personoj de malsamaj nacioj kaj komprenas unu la alian; sed kia grandega diferenco estas inter ilia reciproka kompreniĝado kaj la nia!... Tie la reciproka kompreniĝado estas atingebla per vojo nenatura, ofenda kaj maljusta, ĉar tie la membro de unu nacio humiliĝas antaŭ la membro de alia nacio, parolas lian lingvon, hontigante la sian, balbutas kaj ruĝiĝas kaj sentas sin ĝenata ... dum la alia sentas sin forta kaj fiera; en nia kunveno ne ekzistas nacioj fortaj kaj malfortaj ... ni ĉiuj estas plene egal-rajtaj.*

*Ni konsciu bone la tutan gravecon de la hodiaŭa tago, ĉar hodiaŭ inter la gast-amaj muroj de Bulonjo-sur-Maro kunvenis ne francoj kun angloj, ne rusoj kun poloj, sed homoj kun homoj. Benata estu la tago, kaj grandaj kaj gloraj estu ĝiaj sekvoj!*

# ENHAVO



**Sen pied-notoj JUNA AMIKO uzas la plej oftajn 1500 vort-radikojn, kiujn vi trovas en nia hejm-paĝo: *www.junaamiko.inf.hu* aŭ en *www.lernu.net*.**

**Eldonanto** de JUNA AMIKO: ILEI, Riouwstr.172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando. **Redaktoroj**: *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan.macgill@gmail.com*) kaj *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fsz.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario, *geza@banyai-kkt.sulinet.hu*) **Lingva revizianto**: *Baldur Ragnarsson* (Islando). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Elena Nadikova* (Rusio), *Neringa Zasaite* (Litovio), *Marie-Helene Desert* (Francio), *Jadranka Mirić* (Serbio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Bardhyl Selimi* (Albanio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár, Judit Felszeghy, Hajnal kaj Karina MacGill* (Hungario), *Marija Belošević* (Kroatio*), Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J.Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo). **Grafikistoj**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio), *Irina Nagy* (Rumanio), *Monika Molnár* (Hungario). **Komputila kolora tekniko**: *János Bakk* (Hungario). Presita en **Presejo Saluton** (Gárdi Jenő u.14, HU-1047 Budapest, Hungario). **Administranto**: *Stefan MacGill* (adreso supre).

**ISSN 0230 1318**

**La sekva numero aperos en decembro.**

# TOLEREMO KAJ PACO



**D**e jar-miloj la homaro sopiras pri paco, sed ĝis nun ne povis ĝin atingi. Laŭ multaj homoj ĝi estas, eble, pli malproksima ol iam ajn antaŭe. Ju pli bone ni konas nin mem kaj la mirindan naturon ĉirkaŭe, ŝajne, des pli ni volas montri nian potencon, des pli ni volas regi super la mondo. Ni devus, fine, rimarki, ĉu ne, ke ĉiu el ni estas nur ereto de la granda Universo, kiu ekzistos plu nur, se ĉiu vivos en paca harmonio kun la tuta mondo, inkluzive ĉiujn vivajn kaj malvivajn estaĵojn. Tio ne eblas sen paco kaj toleremo, sen respekto al aliaj homoj kaj la naturo. Nun-tempe, fakte, la homo estas la plej danĝera estaĵo pro sia eksterordinara kapablo, uzata kaj por bono kaj por malbono.

**S**e iu homo, mortinta antaŭ nur du jarcentoj, reviviĝus, certe ekhavus kap-turniĝon vidante nian modernan vivon, la teknikan evoluon, kaj neniu kredus al li, kiam reveninte li ekrakontus al siaj transmondanoj pri la nuntempa surtera vivo. Sed li rimarkus ankaŭ, ke malgraŭ alta viv-nivelo en multaj landoj la nuntempaj homoj estas malpli feliĉaj ol la iamaj. Ili estas pli egoismaj ol la prauloj. Kia fariĝos la mondo, prezentu al vi, se ĉiu sekvos la principon de egoismo en larĝa senco? Ankaŭ la radikoj de la pesto de nia epoko, la terorismo, reiras al tiu egoisma mond-rigardo. Teroristo estas ne nur tiu, kiu eksplodigas aŭtobusojn, ruinigas tur-domojn, sed ankaŭ tiu, kiu frakasas bus-haltejon, pentraĉas sur la muro de ĵus renovigita domo, mallonge: kiu trovas ĝojon en detruado de aĵo, kiu estis kreita per laboro de alia hom-frato. Kia fariĝos la mondo, se ĉiu grand-potenca hom-grupo sentos sin rajtigita „rebati" al aliaj pro tiu aŭ alia „peko" per la plej modernaj armiloj, kiujn ĝi posedas?

**M**i proponas al ni kaj al ĉiuj: *de nun heroo fariĝu ne tiu, kiu povis superi, venki iun „malamikon", sed heroo nomiĝu nur tiu, kiu per sia agado savis homon, beston, aŭ parton de la naturo. Kaj kredu al mi, estas malpli facile fariĝi tia moderna heroo ol akiri la medalon de tradicia heroo.*

Geza Kurucz

# El la animacia filmo PROCIONIDETO

El la rusa tradukis: Valentin MELNIKOV

## Kelkaj kromaj pensoj pri rideto

*Suno varmigas la korpon, rideto la koron.*

*Rideto estas tre efika kaj senkosta kuracilo.*

*Ĉu vi rimarkis, ke homoj, kiuj vivas harmonie kaj ofte ridetas, atingas pli altan aĝon ol senridetuloj.*

*Ridetemaj homoj estas amataj kaj respektataj.*

*Ridetoj plibeligas kaj plijunigas. Ĝi estas la plej efika kosmetikilo.*

*Per kriado oni venenas la etoson, el kiu ĉiu volas forkuri; per rideto, male, oni kreas trankvilon, pacon, agrablan etoson, en kiu ĉiu restas daŭre kun ĝojo.*

***La suprajn konstatojn ĉiu povas mem kontroli kaj konvinkiĝi pri ilia ĝusteco per propra sperto.***

***Valoras fari eksperimenton!***

Pro ridet' vekiĝos ĉiel-ark'
pro ridet' la morna tago ekserenos.
Do rideton donu sen avar',
kaj mult-foje ĉi donac' al vi revenos.

Pro rideto gaja de la sun',
trista pluvo ĉesos plori, ĝojigate,
la arbar' silenti ĉesos nun,
kaj per verdaj manoj ĝi aplaŭdos ŝate.

Pro ridet' varmiĝos atmosfer'
por heliko kaj por granda elefanto.
Do ŝaltiĝu ĉie sur la Ter'
la ridetoj, kvazaŭ lampoj en girlando!

*Refreno:*

Kaj post tio jam, sen dub',
tuj ekdancos blanka nub',
kaj lokusto violonos en kvieto.
Granda fluo de river'
komenciĝas de akver',
amikeco komenciĝas de rideto.

*aplaŭdi:* montri aprobon per kunfrapado de la manoj / *atmosfero:* ĉi tie – anim-stato, humoro / *girlando:* kurba ornama plektaĵo el floroj kaj folioj / *heliko:* malgranda mola besteto kun spirala dometo / *lokusto:* saltanta insekto de kampo, kiu ofte muzikas / *morna:* tre malĝojiga / *prociono:* lav-urso / *serena:* sennuba, tre kvieta / *ŝalti:* funkciigi per butono lampon, televidilon ktp. / *trista:* malgaja, malĝoja / *violono:* muzikilo kun kvar kordoj (=streĉitaj metal-fadenoj).

# RIDETO

Vortoj de *Miĥail* PLJACKOVSKIJ — Muziko de *Vladimir* ŜAINSKIJ



**Bardhyl Selimi:**



## Bonvenigo de printempo en Albanio

La 14a de marto estas la festotago de printempo, sed iam oni identigis ĝin kun la festo de floriĝo, renaskiĝo de la vivo ĝenerale, post longa malvarma kaj severa vintro. En Albanio tiu pratempa tradicio restis ĝis hodiaŭ nur en la urbo Elbasan, situanta en la centro de la lando, ĉe la bordoj de la rivero Shkumbin (:Ŝkumbin). Tiun tagon la urbanoj de Elbasan ellitiĝis frue, sin pretigis por pikniko ekster la urbo, kie ili kolektis florojn kaj faris el ili kronojn, kiujn ili metis sur la kapon. Por la pikniko ili bakis specialan dolĉaĵon Ballokume (:balokume) kaj disdonis ĝin al siaj proksimuloj kaj konatoj.

Okazis, ke Elbasanano, loĝanta en Tirano (ĉef-urbo de Albanio), reveninte el la festo-tago en sia naskiĝ-urbo, kunportis multe da tiu dolĉaĵo kaj regalis per ĝi siajn amikojn ĉi tie. Nun tiu festotago – dank' al konvinkaj, kuraĝigaj vortoj de la registaro – komencis refestiĝi tut-lande. Ĉi-jare, en Tirano okazis grandaj solenaĵoj. La tuta urbo vekiĝis kiel en festotagoj. Surstrate vidiĝis multaj flagoj, flagetoj kaj ornamaĵoj; estis improvizitaj lud-lokoj ĉe la randoj de placoj, bulvardoj kaj parkoj. La homoj estis bele vestitaj. Pluraj surmetis karnavalajn maskojn. La infanoj vestis sin per naciaj kostumoj, okazis multaj konkursoj sportaj, muzikaj, dancaj, kuiraj. Surprizo estis la parado de policistoj, vestitaj divers-forme, prezentante diversajn epokojn de la sendependa albana ŝtato. La plej-parto de la civitanoj forlasis la urbon kaj eniris grandan parkon ĉe arte-farita lago ekster la urbo (nur 30 minutoj perpiede de la centra placo). Tie ili manĝis kune, ludis, boatis, ktp. Tiaj tagoj restas neforgeseblaj!

---

*balono:* maldika globo plena de aero / *bulvardo:* cirkla, larĝa strato, promenejo / *civitano:* plen-rajta urbano / *improvizi:* tuj kaj senprepare fari / *karnavalo:* amuza tempo de jaro / *krono:* cirkla ornamaĵo por la kapo / *masko:* arte-farita amuza vizaĝo el dika papero / *parado:* ceremonia marŝado / *pikniko:* simpla manĝo en la naturo dum ekskurso

# Interesaĵoj pri manĝiloj



Ĝenerale oni konsideras kuleron kiel unuan manĝilon, ĉar tranĉilo estis unue uzata kiel laborilo aŭ batalilo. Nur poste oni ekuzis ĝin kiel manĝilon.

Scienculoj diras, ke la unuaj prakuleroj estis konkoj sen aŭ kun teniloj. Pro tio la unuaj lignaj kuleroj havis, kaj eĉ la modernaj havas la formon de konko.

Manĝo-forko estiĝis el tranĉilo. En la mez-epoko ekestis kutimo manĝi per du tranĉiloj anstataŭ unu kiel antaŭe. Unu el ili, tenata en la maldekstra mano, servis por premi viandon al la fundo de la telero, la alian oni uzis por tranĉi, pik-preni kaj enbuŝigi ĝin. Sed sub la premanta tranĉilo la viando ofte sin forturnis, anstataŭ simpla tranĉilo oni komencis, do, uzi du-, tri- aŭ kvarpintan tranĉilon, t.e. forkon. (De tiam oni produktas senpintajn manĝo-tranĉilojn.)

En la 20a jc. en Usono aperis, fine, la hibridaj manĝiloj: „forkkuleroj" kaj „forktranĉiloj", uzataj ĉefe de soldatoj kaj en diversaj rapidmanĝejoj.



*hibrida:* devenanta el du malsamaj formoj, specoj / *konko:* kulero-forma tegaĵo de molaj mar-estuloj.



Jen foto pri du knabinoj *Argita Balla* (15 jara) kaj *Klaudia Taraj* (13 jara) kiuj ekzameniĝis la 7an de majo pri Esperanto en elementa nivelo. La foto prezentas ilin kun Juna Amiko enmane en ilia hejmo. Ili ege deziras korespondi kun seriozaj sam-aĝuloj eksterlandaj. Jen iliaj adresoj:

*Argita Balla, Rr. Ali Demi P.249 shk 6 kati IV Tiranë, Albanio*

*Klaudia Taraj , Rr. Muhamet Gjollesha P 67sh 2 a 22 Tiranë, Albanio*

# Rufuleto



**I**am vivis hundido. Oni nomis ĝin Rufuleto, ĉar ĝi estis rufa. Ĝia patrino nomiĝis Lessi. Rufuleto tre similis al Lessi. Iliaj mastroj estis Nadja kaj ŝia patrino.

**I**un tagon Nadja decidis donaci Rufuleton al sia amikino, okaze de ties naskiĝ-tago. Kaj sabate, kunpreninte la hundidon Nadja ekiris al la naskiĝtaga festo. Ricevinte la donacon, la amikino estis tre feliĉa.

**D**um la tuta festo Rufuleto estis tre gaja, tamen mankis al ĝi la patrino. Post kiam la gastoj foriris, la hundido ekenuis pro la foresto de panjo kaj la mola liteto. Ankaŭ Lessi enuis pro la manko de sia ideto.

**P**asis unu monato. Iun tagon Nadja kun la patrino ekiris al la patrino de la amikino okaze de ties naskiĝtago kaj donacis al ŝi Lessi-on. Dum la festo okazis miraklo – Lessi denove kunestis kun sia fileto. Ĉiuj estis feliĉaj.

Verkis kaj desegnis: *Katja Ŝklajajeva, 9-jara (Iĵevsk), Rusio*

## MIA KATO



Karesa mia kara best'!
Min ege ravas via vest',
lanuga, mola, bela vest'!

Vi venas laŭ unua pet'
Impresas via helpo-pret'!
Vi ĉiam venas tuj laŭ pet'!

Karesa kaj tenera best'!
Ja vin renkonti estas fest',
ĝojiga atendata fest'!

Se mondo ŝajnas la kruel',
aspektas vi kares' kaj hel'.
Denove renaskiĝas bel'!

Se tristo venas aŭ angor',
aperas vi en ĝusta hor'
kaj ĝojas mia laca kor'.

Karesa kaj bon-kora kat'!
Mi sentas vin ja mia frat'.
Vi estas mia vera frat'!

*Grigorij* B*EREZIN*, *Ukrainio*

*rufa:* ruĝe flava / *angoro:* ĝenerala missento / *impresi:* influi sur la sentoj / *karesi:* delikate tuŝi / *lanugo:* tre delikata hararo / *tenera:* milde varm-kora / *trista:* malgaja.

# vi havas nom-karton?




Japanoj interŝanĝas nomkartojn, kiam ili renkontiĝas. Tiu kutimo venis al ni el la mez-epoka Eŭropo, tamen mi supozas, ke ni, japanoj uzas ĝin plej ofte.

Lasta-tempe, en mia urbo okazis ekspozicio de nomkartoj de kompanioj.







Iam la nomkartoj estis tre simplaj nur kun nomo, adreso kaj telefonnumero, sed nun multaj ŝatas havi tre belan kun bildo. Oni volas kapti la atenton per impresaj nomkartoj. En la ekspozicio prezentiĝis 120 el diversaj kampoj. La unuan lokon akiris nomkarto de hotelo *Okabe* en varm-fontejo *Ikaho*. Ĝi estas duopa folio kun malgranda fenestro sur la fronta paĝo, tra kiu oni povas vidi hotelon, kiu staras en japan-stila ĝardeno. La ĵurianoj alte taksis ĝin dirante: *La nomkarto donas tiel fortan impreson pri la hotelo, ke ricevinto tuj deziras ĝin viziti.*

La nomkartoj estas faritaj el diversaj materialoj. Ordinare ili estas faritaj el papero, sed ekzistas diversaj paperoj kun diversaj koloroj kaj eĉ kun bona odoro. Iuj uzas lignan splitaĵon, iuj maldikan plaston aŭ metalon.

Se vi ankoraŭ ne havas nomkarton, kial ne fari el bela pakaĵ-papero aŭ uzita kalendaro kun via foto aŭ desegnaĵo?

HORI Jasuo
Adreso: *371-0822 Gunma-ken, Maebaŝi, Ŝimoŝinden-maĉi 10-27, Japanio*
Telefono/Fakso: +81-27-253-2524
Retpoŝto: *hori-zonto@water.sannet.ne.jp*

***ekspozicio:*** publika elmontrado de kolektitaj objektoj / ***fronta paĝo:*** la unua kovril-paĝo / ***impreso:*** forta efiko sur la sentojn / ***ĵurio:*** aro da homoj, kiujn oni elektis por decidi pri, ekzemple, pri art-verkoj / ***kompanio:*** grupo de personoj, kiuj kune direktas entreprenon / ***splito:*** tre maldika peco el iu materialo.

***Velura Sezono 2005***

De la 10a ĝis la 18a de Septembro okazos *Internacia Arta Festivalo* de Esperanto-kantoj en Jalto, Kimreo (ĉe la Nigra Maro). Ĝi estas dediĉita al muziko (koncertoj, seminario pri muzika Esperanto-kulturo, ktp.) Detalojn vidu: *www.jaltaespero.narod.ru/doc/velura.htm*

***14a Esperanto-Korusa Semajno***

Ĝi okazos en la montara regiono de Sud-Francio (Pireneoj) sub la gvido de *Carles Vela i Aulesa* de la 29a de oktobro ĝis la 5a de novembro. Kantemuloj nepre ne maltrafu ĝin. Informojn petu ĉe: *jorgos@tiscali.fr* .

***Aŭskultu Dolchamar!***




Dolchamar estas finna rokbando nun sufiĉe bone konata en sia lando, eĉ de neesperantistoj!
Pli ol la antaŭajn kanzonojn, mi tre ŝatas la nunan diskon «**Rebela Sono**» : la muziko fariĝis pli riĉa kaj matura, sed vigla, kun interesaj son-aranĝoj. La paroloj estas ankaŭ plaĉaj, ne hezitu aŭskulti tiun diskon! Vidu: *www.nettie.fi/dolchamar/eo/esperante.htm,* tie vi ankaŭ trovos la tekstojn.
Oni povas ĝin mendi pere de:
*www.vinilkosmo.com/vko/shop.php3?lng=e* aŭ pere de la katalogo de UEA

# IOM pri MUZIKO



## *Blov-instrumentoj : vento en la tuboj ...*



La blovinstrumentoj estas vere diversaj kaj tute ne similaj: oni certe ne imagus ke akordiono kaj fluto estas el la sama familio, sed por ambaŭ, la sono naskiĝas el la frapo de aero al tre maldika peco el metalo, plasto aŭ ligno.



Kelkaj instrumentoj estas tre bruemaj: kun simpla truo por blovi, trumpeto kaj korno estas veraj vekiloj! La klarineto kaj la saksofono estas ankaŭ tre laŭtaj. Kiam ili estas el metalo, la sono estas ĝenerale pli seka kaj forta.

Sed la instrumentoj el ligno havas pli molan, pli dolĉan sonon. Ĝenerale oni uzas ilin por tradicia aŭ malnova muziko.

Vi certe jam uzis bek-fluton : ĝia sono estas por ne tro granda ĉambro, kaj oni ne parolu dum la muziko, se oni volas ion aŭdi! Sed plej bruema estas la kornemuzo, kvankam ĝi estas el ledo kaj ligno: se iu malbone ludas apud vi, fuĝu, ĉar ĝi sonas same kiel furioza kato!



## ***Bekfluto***




Jen instrumento kiu ne havas grandan prestiĝon ĝenerale. Domaĝe! Dolĉa fluto povas ludi malpli da tonoj ol la horizontala fluto, sed ĝi estas pli dolĉa, pli milda, kaj pli facile ludebla.
Soprano-fluto estas perfekta instrumento por ekmuziki, ĉar ĝi estas malpeza, kaj ĝi bone taŭgas por fingroj de infanoj ekde ok jaroj. Poste, se oni volas spertiĝi, oni povas atingi altan nivelon!
En la fluta familio, ekzistas fluteto, soprano, alto, tenoro, baso. Tiel oni povas starigi tutan orkestron de flutoj, por ludi ĉiujn muzik-stilojn. Unue tiuj flutoj estis el ligno, sed nun oni povas trovi bonegajn flutojn el plasto. Ne aĉetu vian fluton en superbazaro, ĉar ĝenerale tie, ili estas malbonkvalitaj. Preferu muzik-budon: tie vi trovos bonajn flutojn kiuj sonas ĝuste, por ĉirkaŭ 20 eŭroj (Yamaha). Ne ekzistas multaj instrumentoj tiom malmultekostaj! Atentu, ke por ludi ĝuste kun aliaj homoj, necesas havi la saman tipon, kaj se vi deziras starigi grupon por ludi kune, prefere aĉetu la samajn flutojn!
Estas tre grave, zorgi pri sia fluto : oni ne devas difekti la bekon tra kiu iras la aero, ĉar la sono estus tute fuŝa! Oni ankaŭ neniam metu objekton en la truojn laŭlonge de la fluto, ĉar se oni ŝanĝas la larĝecon de tiuj truoj, la sonoj ne plu estos ĝustaj. Kaj fine, transportu vian fluton en solida ujo, ĉar falinta fluto (eĉ el plasto) ofte fendiĝas kaj valoras plu nenion! Plastan fluton oni devas purigi de tempo al tempo per akvo. Kaj oni ankaŭ devas meti iom da graso inter la beko kaj la korpo de la fluto, por ĝin pli facile munti kaj malmunti. Per tiuj simplaj gestoj, vi konservos vian fluton tre longe.
En la mondo ekzistas multaj specoj de bek-flutoj, do vi certe trovos la fluton kiu bone taŭgas por la muziko kiun oni ludas en via lando.

*Marielen, Francio*

---

*akordiono, fluto, korno, kornemuzo, saksofono, trumpeto* : muzikiloj videblaj apude sur la bildoj / *festivalo:* aro da prezentoj en iu art-branĉo / *furioza* : krie kolerega / *instrumento* : muzikilo, ekzemple / *kanzono* : populara versaĵo kantata / *katalogo* : listo de verkoj, ekzemple / *klarneto:* fluto-simila muzikilo kun klapoj sur la truoj / *koruso* : kantaantaro / *prestiĝo* : respekto akirita per antaŭaj agoj / *rok-bando* : rok-muzikistoj kune ludantaj / *veluro* : dika, mola teksaĵo.



# KRUC VORT ENIGMO

de Stefan MacGill

## Horizontale

3. Malrapidege
7. Flavan ŝmiraĵon por pano
8. Precize, kun multaj faktoj; ne nur ĝenerale
9. La sanktan libron de Islamo
10. Ne-kutima, impona (kiel Malfermo de Universala Kongreso)

[R] = Uzu nur la radikon sen finaĵo.

## Vertikale

1. Ero de alfabeto
2. Danĝera serpento povas esti tia
3. Amuzos sin, kutime kun iu
4. Substanco kiel fero, kupro, zinko, oro... [R]
5. Ok-pieda insekto [R]
6. Vertikala stango, kiu tenas parton de domo [R]

## Sekreta esprimo:

Metu la literojn el la kvadratoj, kiuj havas la sekvajn numerojn.

**Kio povas esti ĝuata en Vieno?**

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | | | ' |
| 2 | 5 | 3 | 10 | 5 | | 7 | 5 | 1 | |

*alfabeto:* aboco / *imponi:* veki respekton, admiron / *preciza:* ĝuste kaj klare difinita / *stango:* rekto el ligno, metalo aŭ ŝtono / *substanco:* speco de materio / *ŝmiri:* kovri per grasaĵo maldike / *universala:* tut-monda / *vertikala:* rekte staranta (↓).

## humuro

De Dieter Berndt, Germanio

Ĉe vendisto de hundoj sonas telefono:

„Ha-lo! Mi telefonas al vi pro tiu hundo, kiun hieraŭ mi aĉetis ĉe vi."

„Kio estas? Ĉu ĝi malbone gardas?"

„Tute male. Tre bone. Ĝi ne volas lasi nin en nian domon!"






*Renkontiĝas du viroj, kies edzinoj forestas. Unu rakontas:*

*„Mi havas hejme multajn kuirlibrojn kaj tamen mi ne sukcesis ĝis nun ion kuiri."*

*„Kial?"*

*„Ĉar ĉiuj receptoj komenciĝas: Prenu puran poton..."*

### Tri deziroj

*Post ŝippereo savis sin tri maristoj sur senhoma insulo. Post kelkaj semajnoj ili trovas albordigitan botelon. Ili malfermas ĝin kaj eliĝas el ĝi fantomo. Ĝi diris al ili: „Ĉar vi savis min, mi plenumos al ĉiu el vi unu deziron."*

*La unua viro sen longa pripensado diras: „Mi havas nur unu deziron, mi volas hejmen al mia familio."*

*Kaj tuj li estis for.*

*La dua havis la saman deziron kaj en la sama momento li malaperis.*

*Nun restis la tria viro. Li eklamentas: „Ho, nun mi estas ĉi tie tute sola sur tiu ĉi terura insulo, tion mi ne eltenos. Kara fantomo, revenigu la du aliajn."*



*fantomo:* ne reala figuro / *lamenti:* plendi, ve-krii / *perei:* neniiĝi / *recepto:* priskribo kiel fari, kuiri ion.

# Ludu per literoj kaj gajnu!

Jen interesa societa ludo. Per ĝi vi povas riĉigi vian vorttrezoron kaj povas sam-tempe amuzi vin.

Por la ludo vi bezonas 60 kvadratetojn el dika papero (1x1 cm) kun la literoj de nia alfabeto. La kvadratetoj surhavu po unu literon. Atentante pri ilia ofteco mi rekomendas al vi fari tiom da pecoj:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| A: 4 | D: 2 | Ĝ: 2 | J: 1 | M: 2 | R: 2 | U: 4 |
| B: 2 | E: 4 | H: 2 | Ĵ: 2 | N: 2 | S: 2 | Ŭ: 1 |
| C: 2 | F: 2 | Ĥ: 1 | K:2 | O: 4 | Ŝ: 1 | V: 2 |
| Ĉ: 1 | G: 2 | I: 4 | L: 2 | P: 2 | T: 2 | Z: 1 |

Pretaj kvadratetoj aspektas, do, tiele: [Ŝ] [O] [T] [A] [Ŭ]

***Kiel ludi?*** La kvadratojn kun literoj metu en saketon aŭ ĉapon. Kun fermitaj okuloj unu el la ludantoj miksu ilin per mano kaj elprenu 10 kvadratetojn kaj poste, malferminte la okulojn, metu ilin sur la tablon.

La ludantoj havas proprajn paperon kaj skribilon. Ilia tasko estas: ***konstrui vortojn per la elektitaj literoj.*** (Ili povas uzi tabel-vortojn, infinitivon, adjektivon, substantivon kaj adverbojn, sed ne pluralon kaj akuzativon. Same, ne estas akcepteblaj verboj kun -as, -is, -os, -us, -u-finaĵoj, sed estas uzeblaj afiksoj kaj vort-kunmetoj.)

La celo de la ludantoj estas: kiel eble plej rapide skribi 10 vortojn. Kiu estas preta, tiu diras: *stop!* La aliaj ĉesas skribi. Laŭ-vice ĉiu legas siajn vortojn kaj ĉiu devas forstreki la samajn el sia vort-listo. Por la restintaj la ludantoj ricevas poentojn laŭ la ĉi-suba tabelo.

| La nombro de literoj | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| La nombro de poentoj | 1 | 2 | 4 | 5 | 7 | 8 | 10 |

El la ludantoj gajnas tiu, kiu la unua atingas 100 poentojn.

Por ilustri la ludon mi prezentas al vi ekzemplon. Ni supozu, ke la elektitaj literoj estas la subaj:

[S] [I] [D] [M] [O] [Ĝ] [O] [A] [L] [P]

Per tiuj literoj mi povis, ekzemple, fari la sekvajn esperantajn vortojn:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. | modo | 1 | 16. | sapo | 1 |
| 2. | domo | 1 | 17. | domaĝi | 4 |
| 3. | saĝo | 1 | 18. | polo | 1 |
| 4. | palmo | 2 | 19. | plaĝo | 2 |
| 5. | solida | 4 | 20. | aliĝo | 2 |
| 6. | plaĝo | 2 | 21. | moliĝo | 4 |
| 7. | paĝo | 1 | 22. | paliĝo | 4 |
| 8. | paĝio | 2 | 23. | loĝi | 1 |
| 9. | oldiĝo | 4 | 24. | lampo | 2 |
| 10. | salo | 1 | 25. | salmo | 2 |
| 11. | paliso | 4 | 26. | paliso | 4 |
| 12. | lipo | 1 | 27. | podio | 2 |
| 13. | pasio | 2 | 28. | plado | 2 |
| 14. | polmo | 2 | 29. | lapiso | 4 |
| 15. | poloo | 2 | 30. | pomo | 1 |
| | | 30 | | | 66 |

Povas ludi ne nur du, tri, kvar... personoj, sed ankaŭ unu por sin ekzerci aŭ amuzi.

*Alia varianto de la ludo.* En antaŭe decidita tempo-daŭro (ekzemple 20 minutoj) kiu sci-povas akiri plej multe da poentoj.

Fine, mi rekomendas al vi havi ĉe-mane bonan vortaron, kiun fine de la partio la ludantoj povas konsulti en dubaj okazoj. Decidu la vortaro, ne la opinio de iu ludanto, ĉar tio povas estigi kverelon, kaj tio ne estas celo de nia ludo, male.

Ludante lernu pli kaj pli da vortoj!

Bonan amuziĝon deziras:

*Elizabeta RAJTMÁR, Hungario*

*adjektivo:* a-vorto / *adverbo:* e-vorto / *akuzativo:* o-/a-vorto kun finaĵo –n / *afikso:* iu el ge-, bo, re-... -ar, -in, -id... / *infinitivo:* i-vorto / *konsulti:* turni sin al iu aŭ io por akiri ĝustan informon / *kverelo:* malinterkonsento / *varianto:* io esence tre simila, ne malsama.

***Kiu bon-faras al iu, tiu bonfaras plej multe al si mem.***

***(Franklin)***

## Alvoko al la legantoj

Ni ekhavis novan ideon. La ideo mem venis rekte el Esperanto, kiu estas verko de bonvola koro de nobla junulo.

Ni ofte spertas, ke la moderna mondo igas la homojn pli kaj pli egoismaj kaj ni esperantistoj celas la malon. Ni volas pliproksimigi ilin per amo, toleremo. Ni konscias, ke esperantismo estas pli ol simpla lingvo-scio.

De nun, ni ofte aperigos mallongan rakonton de iu ajn kiu, sen profit-amo, helpis al sia hom-frato, faris al iu ion bonan.

La plej varm-kora mallonga rakonto aperos en nia revuo kaj la sendinto ricevos donacon: valoran libron aŭ jar-abonon de Juna Amiko por la sekva jaro.

Sendu al ni raporton pri via varm-kora bon-faro!

# LUME

LA UNUA MIRINDA ETAĜO

## Saluton!

Jen ok versoj kun rimoj. Mankas la lastaj vortoj. Jen ili sube. Malmiksu la literojn kaj metu la vortojn en la ĝustajn lokojn!

aglist
adeĝnor
oortt
aglo
aikklmpo
oostv
aĉfino
elost

❶ En sunbrila tago, ni naĝas en ______

❷ Jen hundo kun osto, kaj svingo de ______

❸ Ludejon vizitas, malsupren ni ______

❹ Birdo sur branĉo kun kant' por ______

❺ Sur sablo-kastelo, flago kun ______

❻ Bela promeno, en plen-flora ______

❼ Kandela alporto, por naskiĝtag-______

❽ Revu' Jun-amika, enigmo ______!

Solvo: La mesaĝo de Mopsi la kuniklo, el la antaŭa numero, paĝo 19:

**BELAJN PASKAJN FESTOJN!**

Respondoj por la poemo *Tag-ekaj blekoj* el la antaŭa numero, paĝo 18:

birdo 

kato 

hundo 



koko



kokino



bovino



ŝafo



azeno

# ☺ DIVENU!!! ☺

1) En mia ĝardeno falas duoble pli da neĝo ol en la ĝardeno de la najbaro. Kial?

2) Mia 1a parto estas numero
Mia 2a parto indikas homon
Mia tuto estas via *vid-ilo*

3) Tra unu truo oni eniras; tra du truoj oni eliras. Kio ĝi estas?

4) Mi parolas ĉiujn lingvojn, sed neniun mi konas. Kiu mi estas?

5) Kiom pezas la tero, kiu troviĝas en kvadrata truo, fosita en la tero, kies profundeco estas 1 metro kaj kies diametro estas la du trionoj de la profundeco?

6) Kiu kapablas salti pli alten ol la Turo Eiffel?

7) Kio kreskas malantaŭe kiam oni malkreskigas ĝin antaŭe?

8) Mia unua parto estas radiko kiu signifas
malgrandan grizan beston (kiun manĝas kato)
Mia dua parto estas korpo-parto sub la kapo
Mian tuton havas ĉiu, kiu estas forta

9) Mia 1a parto estas radiko kiu signifas «senakva»
Mia 2a parto havas multajn truojn (uzas ĝin fiŝkaptistoj)
Mian tuton diru al neniu, ĉar ĝi estas ...

10) Mia 1a parto estas radiko de ekzemple A, Bo, E, Ko...
Mia 2a parto estas la unua elemento en la aboco
Mia 3a parto estas mallarĝa, alta konstruaĵo
Mia tuto estas la scienco de poemoj, noveloj, fabeloj,
romanoj, dramoj, ...

Respondoj en la sekva numero.
Sendu viajn respondojn al la verkinto, Monika Molnár, pere de la redakcio.

# LUDE

LA UNIKA DUA ETAĜO

# Veturi kun esper'

Krucenigmon pretigis: smg

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | 1 | 2 | | 3 | 4 | 5 | 6 |
| | 7 | | ■ | 8 | | | |
| | 9 | | 10 | | | | |
| | ■ | 11 | | | | ■ | |
| 12 | 13 | | | | | 14 | ■ |
| | 15 | | | | | | 16 |
| | 17 | | ■ | 18 | | | |

Solvu la enigmon, poste skribu la literojn en la kestojn de la sekreta frazo sube, laŭ la numeroj. Ekzemple: en la unua kesto vi skribos la literon kiu aperas en la enigma kvadrato kun numero 12.

Sendu viajn solvojn al ni por partopreni en premia loterio.

## Horizontale ➔

1. Maniero iri de unu etaĝo al alia.
7. Nekonata persono.
8. Malgranda demetaĵo de kokino (R)
9. Sen-noma aŭ kun nekonata nomo
11. Fama frazo en pra-Esperanto: „Jam temp' ______!"
12. Ekscita. Atento-kapta.
15. Promeni aŭ ekskursi sur lago, ekzemple (4-3).
17. Sinjoroj kaj sinjor___oj
18. Likvaĵo bezonata por multaj transportiloj.

## Vertikale ↓

1. Apartenanta al virino.
2. Ni uzas tion por trairi montojn.
3. Malgranda konstruaĵo kiun ni uzas por super-iri riveron aŭ vojon.
4. Rapida tra-aera transportilo. (R).
5. Por movi senmotoran boaton, ni povas _____i.
6. Malgrandan.
10. Maldika homo kun malmulta karno estas tia.
13. Pinarbo uzata kristnaske. (R).
14. Grupe. (... aŭ: Teritori' )
16. Objekto nekonata.

Sekreta objekto (nekonata ĝis vi solvos ĝin!): Jen agrabla transportilo:

| ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 12 | 14 | 5 | 13 | | 1 | 16 | 3 | 18 |

*Parto 2 de 'La piramidoj'*

# Dilemo ĉe tuneloj

En nia lasta numero de *Juna amiko* via grupo staris antaŭ la demando: "Kiom da piramidoj samgrandaj kiel ĉi tiu konstruis Ramses?" La piramido ĉe kiu ili staris estas granda. Do, kion vi faru?

Vi tuŝas numeron du, kaj diras: **Du**! Ĉar oni certe havis almenaŭ unu piramidon el ĉiu speco, tio bezonus 2+½+¼ = 2¾ ŝipo-plenojn da rokoj. Do restas 2 kaj ¼ ŝipo-plenoj da rokoj. La 2 estas sufiĉa por unu granda piramido, kaj la ¼ por unu eta piramido. Do Ramses, faris **du** grandajn piramidojn, unu mezgrandan kaj du malgrandajn piramidojn en la kvina jaro de sia regno.

La grupo tre ĝojas, kaj la pordego malfermiĝas kun granda bruo. Vi eniras, kaj vidas du tunelojn en la muro de ĉambrego. Antaŭ ĉiu staras gardisto. Vi trovas paperon. *'La tombo kun trezoro, kiun vi eble serĉas estas en la fino de unu el tiuj tuneloj. En la alia vi trovos malsatajn krokodilojn kaj la malbenon de la piramido. Vi rajtas starigi nur unu demandon al unu gardisto. Tiu respondos ,Jes' aŭ ,Ne'. Sed atentu, unu gardisto ĉiam diras la veron, la alia ĉiam diras la malveron. Li ĉiam mensogas.'*



Elpensu demandon, kies respondo permesos al vi certe trovi la tombon kun trezoro, sen risko fariĝi krokodila tagmanĝo. Sendu ĝin al:

Hajnal MacGill, Lajos u. 47a-3-1, HU-1036 Budapest, Hungario

**Abon-kostoj por Juna amiko en 2005 kaj 2006**

La kosto de la abono restos sama en 2006 kiel en la nuna jaro. Helpu al ni havi pli da legantoj – montru la novajn dikajn revuojn al viaj amikoj!

| | 1 ekz. | Ekde 3 |
|---|---|---|
| Tarifo 1 | € 14 | po € 11 |
| Tarifo 2 | € 9 | po € 7 |

Memoru nian sloganon:

**Pli da gazeto, pli ol gazeto**

Vizitu nian hejmpaĝon kun multaj artikoloj ĉe www.lernu.net.

# ALUMETO-ALIMETO

Bestoj iras. Iuj bestoj iras saĝe, aliaj malsaĝe. Se vi vidas beston kiu iras malsaĝe, vi volas helpi al ĝi. Ekzemple erinaco, kiu volas transiri trafiko-plenan aŭto-ŝoseon. Aŭ fiŝeto kiu naĝas en la buŝon de ŝarko. Aŭ papilio kiu flugas en la reton de araneo (aŭ motoron de aviadilo Jumbo). Por helpi vin ekzerci la turnadon de bestoj for de danĝero, jen enigmoj:



Movu nur du alumetojn por ke la erinaco iru en la kontraŭa direkto.



Movu nur tri alumetojn por ke la papilio iru en alia direkto.



Movu nur tri alumetojn por ke la fiŝo iru en la kontraŭa direkto.

Movu du alumetojn, por ke vi vidu la domon de la alia flanko.



Kio? La kvara bildo ne estas besto? Ĉu vi neniam aŭdis pri dom-besto?

Nomu kelkajn dom-bestojn: hundon, katon, kobajon, hamstron, blankan museton, papagon, orfiŝon ... kaj kompreneble ... helikon!

Infana Kongreseto okazis en Litovio:

# Krioj en arbaro

"Kunportu fojnon por la fajro!" - tiel kriis etaj knaboj. "Venu por vespera rakonto" kriis etaj knabinoj . "Alportu vian fluton – la orkestro ekzercos", kriis pli aĝaj. Kaj gvidanto "Forportu viajn posedaĵojn de la stako de trovitaj objektoj – alie ni aŭkcios ilin morgaŭ!"

Denove okazis Infana Kongreseto, samtempe kun la Universala Kongreso en Vilno. Kvardek infanoj inter la aĝoj de 6 kaj 15 partoprenis, en 13 landoj. Tiuj estis eŭropaj landoj – de Francio ĝis Latvio mem, kaj aldone Kazaĥio, Japanio kaj Kanado.

Ni iris buse al Pailgis, 40 km norde de la UK en la Litova ĉefurbo. Tie atendis nin bela lago kaj arbaro. Ĉirkaŭ la manĝejo kaj kunvena halo staris pluraj dometoj kun dormejoj. Ni promenis kaj plukis fungojn kaj berojn – fragojn kaj mirtelojn. Preskaŭ ĉiutage ni naĝis kaj akvo-biciklis. Dufoje, ni kolektiĝis ĉirkaŭ fajro. Ofte ni ludis flug-pilkon kaj korbo-pilkon kaj fut-balon (infanoj kontraŭ gepatroj kun fina rezulto 2-2). Ankaŭ okazis sporta olimpiko. Ni ekskursis unutage al la UK kaj Vilno, vizitis la malnovan urbon kaj monton kun kastelo kaj turo, de kiu ni povis vidi la urbon kaj ĝian riveron Neris. Ni ricevis multajn bonajn vesperajn programojn – tutan busplenon da infanoj el la pola urbo Peplin, kiuj kantis kaj popol-dancis por ni. Ankaŭ la litova televida infana koruso, gitaristo Povorin en Rusio, kaj litova trupo kiuj prezentis modernajn dancojn.

Vi trovos bele aranĝitan paradon de pli ol cent fotoj ĉe la komputila adreso:
http://bertosch.free.fr/iik2005fotoj/index.html



Jen el foto, sendita de s-ro Isikawa Kazuya, kiu vizitis la kongreseton kun grupo de japanaj gastoj (prepare al IIK en Japanio en 2007). Ili disponigis sorobanojn (abakajn kalkulilojn) kaj alportis kimonojn per kiuj infanoj povis vesti sin. Jen rezulto: Maja kaj Venera el Kazaĥio.

***Ni esprimas korajn dankojn al ĉiuj gvidintoj, helpintoj, subtenintoj kiuj helpis al ni aranĝi la kongreseton.***


ERNIO
Saluton! Mi estas Erni. Mia nomo en Esperanto estas Ernio.
ERNI
Mi havas amikon, Emilo. Ĉu vi konas lin? Ni havas rendevuon. Sed kial mi rigardas mian horloĝon?
La rendevuo estas por aŭgusto. Prefere mi rigardu mian kalendaron.
AŬG
Jes, estas aŭgusto. Do, kie li estas?
Tri tagojn poste...
Grr! Kial li ne venas?
Ses tagojn poste...
Terura malfruulo!
Naŭ tagojn poste...
!!** ** !!!
Ĉiutage Ernio atendas. Ĉiutage li estas pli kaj pli kolera. Li ĉiutage pli koleriĝas. Emilo pli kaj pli kolerigas lin.
Ha! Mi havas poŝ-telefonon. Mi vokos lin kaj demandos, kie li estas.
Kaj kie li estas?
Son! Son!
Ve! Mia telefono sonas, sed mi ne povas atingi ĝin! Mal-benita televida anteno.


Hmm. Li ne respondas. Senutila poŝ-telefono!
Bi Bi Bi
Ĉu vi havas poŝ-telefonon? Jes? Ĉu via estas utila aŭ senutila? Bela aŭ malbela? Laŭta aŭ mallaŭta?
Dume, io progresas ĉe Emilo...
Ha! Mi sukcesis atingi la telefonon. Sed ĝi ĉesis soni. Kaj mi ne memoras la numeron de Ernio. Se nur li telefonus...
Kio? Kiu frapas? Kio? Mi re-telefonu al Emilo? Sed kial, li ne respondas. Ĉu? Ĉu li certe nun respondos? Kiel vi scias? Ne diru! Vi legas bildstrion en kiu mi rolas? Frenezaĵo!
FRAP! FRAP!
Ha! Emilo, Ĉu vi? Hmm. Eble mi ja estas en bildstrio. Ve. Emilo, via voĉo ne estas tre klara. Ĉu vi venos al nia rendevuo? Jam pasis aŭgusto. Estas septembro!
Tre malbona novaĵo. La venonta ebleco por renkontiĝo estos en decembro.
DEC
Bedaŭrinde, mi estas enplektita en granda tasko! Mi ne povas liberigi min por veni nun.
Do, venu al nia domo. Eble ĝis tiam ni povos rigardi televidon kune!
Ankaŭ vi certe ne maltrafu nian renkontiĝon!
Ĝis!
SMG

# Interkultura mondo

**Rubrikestro:** Elena Nadikova,
Lernejo/Ŝkola 55, Klaso 7 A,
str. Leninskogo Komsomola 54,
RU-428037 Ĉeboksari, Rusio.
lena_espero@mail.ru.

Hejmpaĝo: www.interkulturo.net

## Nova temesploro: Kultura ŝoko

Renkontoj kaj kontaktoj kun aliaj homoj foje portas al ni amason da surprizoj. Kial la agoj kaj reagoj de aliaj ŝajnas al ni neatenditaj? Ni esploru tion per nova esplortemo en la hejmpaĝo de "Interkulturo". Vizitu ĝin!

## Kontaktoj tra Juna amiko

Alvenis unua resono al nia rubriko en *Juna amiko*: letero el Hindio de la klubo "Sea klubo SAI esperanto Akademio "SAI SARANATH" (vidu la artikolon sur p 44 de nia antaŭa numero kaj la dors-kovrilan foton).

## Prezento de Ukraina grupo:

La grupo VERDA JUNULARO aktivas en urbo Lucjk. Ilia gvidanto estas Nina Daniljuk, instruistino en la Volinia universitato. La grupo havas 10 membrojn, inter 14- kaj 22-jaraĝaj). Jen kelkaj prezentas sin al vi:

*Alex:* Mi estas gimnazia lernanto. Mi interesiĝas pri vojaĝoj, komputilaj ludoj, detektivaj libroj kaj filmoj. Mi havas hundon kaj katon.

*Halja:* Mi estas studentino de la tria kurso en la Volinia universitato. Mi studas ukrainan lingvon kaj literaturon. Mi ŝatas legi librojn kaj aŭskulti muzikon.

*Alla:* Ankaŭ mi estas universitata studentino en kvina kurso. Mi ŝatas muzikon kaj pentrarton. Mi volas havi multe da leteramikoj.

*Tanja:* Ankaŭ mi studas. Mi interesiĝas pri kulturoj de diversaj landoj.

*Julja:* Mi estas lernantino en gimnazio. Mi interesiĝas pri muziko, lingvoj, vojaĝoj, naciaj kulturoj. Mi volas trovi korespondamikojn.

**Sur la sekva paĝo legu artikolon pri ilia urbo Lucjk.**

# Nia Urbo Lucjk

Lucjk troviĝas en la okcidenta parto de Ukrainio (476 km de Kijivo kaj 176 km de Lviv). Lucjk havas gloran historion. Ĝia nomo aperis en kronikaj dokumentoj en la jaro 1085. Ĝi estis ĉefurbo de Volinia princlando en Kijiva Rusj. Estas multaj legendoj pri signifo de la urbo-nomo. Laŭ unua ĝi divenas de la vorto "luka", kiu en ukraina lingvo signifas "larĝa borda kampo". Laŭ dua versio, de la vorto "luk", kiu nomas antikvan armilon kun duon-ronda korpo. La saman formon havas la rivero Stir, kiu ĉirkaŭis antikvan kastelon. Aliaj diras, ke la nomo Lucjk rememorigas pri antaŭa tribestro Luka.

Ĝis nunaj tempoj en nia urbo staras brika kastelo de dekkvara jarcento, kiu troviĝas en la sama loko, kie estis antikva ligna kastelo. En la kastelo loĝis litova princo Lubart.

En Lucjk estis organizita en 1429 konsilio de estroj de eŭropaj landoj, por plani la defendon kontraŭ la turka armeo. En nia urbo estis fondita ortodoksa preĝejo kaj lernejo en la jaro 1617. Kun nia urbo estas ligitaj mondfamaj sciencistoj: filologo-arabisto A. Krimskij, matematikisto M. Kravĉuk, verkisto P. Kuliĉ, muzik-komponisto Igor Stravinskij.

Nuntempe Lucjk estas grava ekonomia, scienca kaj kultura centro. Ĉi-tie funkcias 28 mez-lernejoj, 6 alt-lernejoj, 1 dram-teatro, 1 pup-teatro, 1 filharmonio, estas kelkaj ortodoksaj, katolikaj, protestantaj, baptistaj, hebreaj preĝejoj, 3 muzeoj, multe da fabrikoj kaj uzinoj.



Jam fariĝis tradiciaj internaciaj artfestivaloj: "Polissja somero kun folkloro", "Sur flugiloj de Svitjazj" kaj "Kristnaska mistero".

En nia urbo estas 206 miloj da loĝantoj, kaj videblas belaj parkoj kaj grandaj avenuoj. Funkcias E-grupoj "Arbara kanto", "Verda junularo", ĉi tie estas eldonata la informbulteno de Ukraina Esperanto-Asocio "Helianto".

**Bonvolu viziti nian belan urbon!**

http://www.interkulturo.net/vikio/index/Nia_urbo_Verda_Junularo

# LASTE

LA ABSOLUTE SPEKTAKLA TRIA ETAĜO



## MAKULUL

*Jen la dua parto de la fabelo de Karina MACGILL. Memoru ke Makulul volis savi la kobajojn. Ili devis vidi la teron de pli supre. Li rigardis supren, kaj tie vidis...*

... birdon. Ĝi aspektis konata. Estis la papago el la besto-butiko. "Mi trovis vin!" ĝi diris, alteriĝante.

"Kion vi faras ĉi tie? Kiel vi povis eskapi?"

"Jam de monatoj mi scias malfermi mian kaĝon, sed ne povis eskapi ĉar oni ĉiam rigardis min. Sed kiam vi eskapis estis tia ekscito, ke ankaŭ mi povis eskapi. Mi sekvis vin."

"Mi gratulas vin. Mi tre ĝojas revidi vin."

"Mi sentas ŝuldon al vi, ĉar vi ebligis al mi eskapi."

"Nu, mi nun bezonas vian helpon! Ni devas trovi pra-arbaron aŭ ĝangalon kiu estas sur altebenaĵo."

La papago prenis Makululon inter la piedoj kaj ekflugis. Ili vidis ke la arbaro estis tre detruita, ĉefe restis stumpoj. La kobajo vidis vulkanon en la distanco. Ili flugis supren al ĝi. Certe ĝi estas senviva, videblis en ĝia kratero bela, verda ĝangalo. Li tiom ĝojis vidi tion, ke li preskaŭ falis el la piedoj de la papago. Ili reflugis al la kuzo kaj rakontis la trovaĵon.

"Ĝi estas tre granda loko, sufiĉa ne nur por vi familianoj, sed por ĉiuj." Do, ili disvastigis la novaĵon al ĉiu kobajo kiu loĝis en la proksimeco. Kiam ili grupiĝis, ili ekmarŝis. Pasis preskaŭ semajno ĝis ili atingis la piedon de la vulkano. Ili ripozis unu tagon post la longa vojaĝo. Venis pliaj bestoj, kiuj aŭdis pri la plano – gibonoj, aliaj simioj, lacertoj, birdoj, eĉ grandaj katoj kiuj promesis ne ataki dum la vojaĝo. Kune ili grimpis. La kobajoj grimpis lerte pro siaj ungoj. La birdoj flugis. La simioj helpis al tiuj kiuj ne povis tiom bone grimpi.

Ili atingis la randon de la kratero. Ho ve, la deklivo por iri en la krateron estis tre kruta. Ili ĉiuj glitis suben sur la ŝtonetoj, ne pensante ke estos maleble regrimpi tien.

Kiam ili alvenis, ĉio estis bela – fruktoj, plantoj – sed strange – neniuj bestoj. Ili preparis feston. La simioj plukis fruktojn, la birdoj portis akvon en la bekoj, la kobajoj portis florojn por ornami la festejon kaj foliojn por manĝi. Ili povis longe festi ĉar brilis forta luno.

Multaj ekdormis. Makulul ne povis dormi, ĉar li subite pensis, ke li ne povos reiri al la butiko kun la panjo kaj la gefratoj. Li ne povos plenumi sian promeson. Inter plorĝemoj li ekdormis. Li premsonĝis ne revidi sian familion.

Venont-matene, li paŝis malĝoja en la nova ĝangalo kaj subite aŭdis flugil-batadon. Post kelkaj minutoj, li vidis ke alvenis pluraj kolomboj, kiuj portis la bestojn el la besto-butiko – inter ili la kobajan familion kaj amikaron. Makulul tre ĝojis revidi ilin.

Panjo kuris al Makulul: "Ni vidis vin kaj la papagon eskapi. Tio donis al ni kuraĝon. Ni nur atendis bonan momenton, kaj ankaŭ ni eskapis. Papago helpis al ni trovi vin."

Ekde tiam, la kobajoj, gibonoj, lacertoj kaj ĉiuj bestoj ĝoje vivas, ne ĝenataj de homoj, en la kratera ĝangalo, kiun trovis Makulul.




***Vortklarigoj***

*Altebenaĵo:* alta plata loko
*Deklivo:* monto-flanko
*Eskapi:* fuĝi, liberiĝi
*Kratero:* vulkana truo
*Prem-sonĝo:* koŝmaro
*Rando:* flanko
*Stumpo:* restaĵo de forhakita arbo

## FABLOJ kaj FABELOJ

*Jen nova libro por infanoj. La orginalon verkis germano Georg Schindler [Ŝindler], tion tradukis al Esperanto Nora Caragea [Karaĝa]. La libro havas 84 paĝojn kaj 39 rakontojn, preskaŭ ĉiu kun bildo. Rolas mult-foje bestoj — 'stulta' ansero, kiu fakte estas ruza, fiŝo kiu volas vidi la mondon, malbonŝanca ĉevalo, alaŭdo kiu ricevis tri dezirojn... Jen unu rakonto kaj ĝia bildo, kiun ni aperigas kun permeso de la tradukinto:*

# La betulo kaj la kastoro

Jam de multaj jaroj ĉe eta lago staris impona betulo, ĉirkaŭata de multaj grandaj kaj malgrandaj foli-arboj. Iu-tage estiĝis nova vivo en la akvo. Kastora familio elektis la lagon sia rezidejo kaj ekloĝis tie. La kastoroj estas tre diligenta popoleto. Dum la tuta tago ili faligas arbojn por tiamaniere konstrui digojn. Kaj tiel unu arbo post la alia iĝis viktimoj de la kastoroj. Kaj jen tio okazis: Granda forta kastoro kaŝ-iris al la bela betulo kaj komencis ataki ĝin.

„Mi petas, mi petas", la betulo lamentis, „lasu min vivi; iu-tage mi rekompencos vin!"

„Tio ja estas ridinda", reagis la kastoro, „ĝuste vi iam helpos al mi? Vi ne kapablas eĉ moviĝi – kiel vi povus helpi al mi? Nur pro tio, ke vi estas aparte bela, mi promesas al vi ke ni ĉiuj indulgos vin."

Post tiu tago pasis kelkaj jaroj, kaj la betulo iĝis ankoraŭ pli granda kaj pli bela. Kaj la kastoro iĝis pli aĝa kaj pli malforta. Iu-matene alvenis ĉe la lago pluraj ĉasistoj por ĉasi la kastorojn. Ĉiuj kastoroj plej rapide malaperis en la akvon aŭ kaŝis sin. Sola la maljuna kastoro, kiu antaŭ kelkaj jaroj indulgis la betulon, ne plu povis savi sin ĝusta-tempe. La ĉasisto prenis sian pafilon de la dorso, celis kaj estis ekpafonta.

---

**Vortklarigoj**

*Betulo*: arbo-speco kun blanka trunko-ŝelo
*Digo:* rivera barajo
*Ekspluati:* eltiri profiton
*Impona:* respekto-veka
*Indulgi:* ne severe trakti; lasi plu vivi

*Kastoro:* eta mamulo (vidu la bildon)
*Lamenti:* kor-ŝire plendi
*Rezidejo:* konstanta loĝ-loko
*Sekura:* sen-danĝera
*Ŝargi:* metu pafaĵon en pafilon

La kastoro tremis pro morto-timo:

„Kara ĉasisto, mi petas vin: lasu min vivi!"

La ĉasisto laŭte ridis kaj respondis:

„Mi viv-tenas min per la ĉasado; tuj mi mort-pafos kaj ekspluatos vin."

Senespere la kastoro daŭrigis petegi, sed sensukcese. Denove la ĉasisto levis sian pafilon, kiu estis demetita dum la interparolo kun la kastoro, kurbigis sian montrofingron kaj premis la ĉanon.



Sed en tiu ĉi momento branĉo de la betulo falis sur lian ŝultron, kaj tial lia pafo maltrafis. La ĉasisto estis tre ĉagrenita kaj reŝargis sian pafilon. Tiel la kastoro rimarkis, ke la betulo savis ĝian vivon kaj tiamaniere dankis pro la bona ago farita antaŭ kelkaj jaroj.

Ĝis la ĉasisto ankoraŭfoje reŝargis sian pafilon, la maljuna kastoro estis jam en sekura kaŝejo.

## Respondoj de enigmoj en la antaŭa numero:

Krucenigmo sur paĝo 20:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | G | | | L | A |
| | F | L | O | R | O | N |
| F | R | O | M | A | Ĝ | O |
| | U | R | A | N | O | |
| | K | A | R | O | T | O |
| E | T | N | O | | A | |
| K | O | | N | U | N | |

Enigmo sur p. 23. Forprenu la kolorajn alumetojn:



Neniu diris, ke la du kvadratoj devis esti samgrandaj!



# STEL-MIRIGOJ

Antaŭ dudek jaroj aperis la unua filmo en la serio "Stel-militoj" (Star Wars) de direktoro George Lucas. Tra sekvaj jaroj aperis la dua filmo *La Imperio Rebatas* kaj la tria *Reveno de la Ĝedioj*. Post longa paŭzo, venis plia triopo da filmoj, por fermi la rakontaron.

De la komenco estas planite, ke la apera ordo de la filmoj ne koincidas kun la tempo de la eventoj. Filmoj 1, 2 kaj 3 prezentas sinsekvajn eventojn, same 4, 5 kaj 6. Sed la unue aperinta filmo, je la miro de multaj spektantoj, anoncis sin komence 'Epizodo kvar'. La suba tabelo montras la sinsekvon precize (A = apera ordo, E = eventa aŭ epizoda ordo). Ĝi ankaŭ resumas la ĉefajn okazaĵojn.

| A | E | Titolo | Okazaĵoj |
|---|---|---|---|
| 1 | 4 | Nova Espero | Darth Vader atakas planedojn, unu post unu. Li atakas Tatuin kaj mortigas la stif-gepatrojn de Luke Skywalker. Tiu foriras ekesti ĝedio. Vader konstruigis fi-stelon, per kiu li intencas detrui la planedon kie pretiĝas la armeo de princino Leia. Luke kaj aliaj sukcesas eksplodigi la fi-stelon last-sekunde. |
| 2 | 5 | La Imperio Rebatas | Post perdo de batalo kontraŭ piedo-havaj tankoj sur neĝa planedo, Han Solo kaj princino Leia fuĝas al Nuburbo. Luke sekvas la post-mortan ordonon de Obiŭan Kenobi kaj iras al marĉa planedo ricevi trejnadon de la ĝedio Yoda. Fine li batalas kontraŭ Darth Vader kaj ekscias familian sekreton. |
| 3 | 6 | Reveno de la Ĝedioj | Oni luktas sur arbara planedo. Darth Vader mortas defendante sian filon. Fine, la fortoj de bono triumfas kaj oni festas sur multaj mondoj. |
| 4 | 1 | La Fantoma Minaco | La reĝino de Naboo petas helpon de la galaksia parlamento, sed devas reiri sen tio. JaJa Binks per feliĉaj hazardoj iĝas heroo en romieca batalo. Anakin Skywalker fariĝas lernanto ĉe la ĝedio Obiŭan Kenobi. |
| 5 | 2 | La Atako de la Klonoj | La reĝino nun estas senatanino. Oni pretigis klonan armeon sur akvo-planedo, kiuj helpas la ĝediojn en la eksplodinta milito rezisti la imperiajn armeojn. |
| 6 | 3 | Venĝo de la Sito | La bando de ĝedioj preskaŭ pereas. Anakin, pro diversaj motivoj, turniĝas al la malhela flanko kaj grave vundiĝas sur vulkana planedo. |

La sesa filmo aperis en lastaj monatoj. Ĝi devis fermi la ciklon, konektante la kvaran filmon kun la unua. Ŝajnas ke ĝi sukcese tion faris, kiel ni poste esploros.

Kiam film-direktoro decidas ludi per la tempo, li riskas. Ekzemple, la uzo de komputila desegnado por krei filmojn forte evoluis en la dudeko da jaroj inter la du film-triopoj. Tio signifas ke la novaj filmoj estas pli efekto-riĉaj kaj povas prezenti scenojn kun miloj (aŭ dekmiloj) da agantoj. La pli malnovaj tri filmoj plejparte restis pli et-skalaj, preskaŭ ĉiam uzante homajn aktorojn. Tio strangas, kiam oni pensas ke tiuj eventoj okazis post tiuj en la filmoj de epizodoj 4, 5 kaj 6.

La serio nomiĝas *Stel-militoj* kaj evidente enhavas batalajn scenojn, sed estus erare priskribi ilin kiel ‚milit-filmoj'. Unue, ili prezentas grandiozan gamon da roluloj – homaj, bestecaj, robotaj, klonaj, fantaziaj. Estas multaj momentoj da humuro, romantiko (precipe en la kvina filmo) kaj super ĉio vasta fantazio -- kun tutaj imagitaj mondoj.



Oni diras ke historio ripetas sin, kaj ni vidas en tiu rakontaro el fora futuro elementojn de nia nuna mondo, kaj de la antikva. La galaksia parlamento paralelas niajn nunajn Unuiĝintajn Naciojn, kun la similaj politikaj manovradoj, ambicioj kaj malfacilaĵoj atingi decidojn. La batalo sur Nadoo (filmo 4), la kolosea areno (filmo 5) kaj la ĉar-konkurso ĉiuj tiras inspiron el la romia mondo.

### *Vort-klarigoj*

*Ambicio:* forta deziro atingi celon.
*Antikva:* tre malnova.
*Bando:* grupo.
*Direktoro:* estro de filmo
*Epizodo:* parto de serio.
*Efekto:* truko en filmo
*Futuro:* estonteco, -os-tempo.
*Galaksio:* kolektego da steloj.
*Identa:* komplete sama.
*Intenci ion:* plani ion.
*Kavaliro:* ĉevalrajda batalanto.
*Kirasita:* protektita ŝirm-veste.
*Klono:* estaĵo tute identa al alia.
*Koincidi:* esti sama aŭ simila.
*Koloseo:* romia spektaklejo.
*Lukti:* batali, strebi.
*Manovrado:* ruza atingo de celoj.
*Motivoj:* kialoj, persvadaj ideoj.
*Rezisti:* kontraŭi, malhelpi ion.
*Riski ion:* Eniri malcerton.
*Senatano:* parlamentano.
*Subtila:* ne tuj rimarkebla.
*Triopo:* grupo de tri.
*Triumfi:* gajni, superi.
*Universo:* ĉio, kio ekzistas.

Sed la plej granda temo estas la preter-tempa lukto inter la fortoj de bono kaj malbono. La Ĝedioj estas grupo de eksterordinaraj vivuloj el diversaj mondoj, simila al mezepoka kavalira rondo. Ili akiris per longa trejnado apartajn kapablojn kaj saĝon, kiujn ili uzas por la flanko de bono en la universo. La lasta filmo montras sub kiuj kondiĉoj iu povas ŝanĝiĝi de unu flanko al alia. Tie ni vidas du transformojn de bono al malbono. La unua estas la plej evidenta kaj atendebla, kiu klarigas la ekeston de Darth Vader. La dua estas pli subtila, surpriza kaj interesa, sed same grava. Por tiuj el vi kiuj ankoraŭ intencas vidi la sesan filmon, ni ne malkaŝos pri kiuj roluloj temas.

Sed estas filmo ankaŭ por infanoj. Kiel do ili prezentas batal-scenojn? En la unuaj filmoj la soldatoj estis forte kirasitaj kaj kiam mortigitaj montris minimumajn signojn de tio. Ili saltis aeren kaj falis teren. Sed la spektakleco de la postaj filmoj postulas amas-scenojn en kiuj estus malakcepteble montri tiom da mortintaj homoj. Do, la batalantoj ekestas identaj maŝinoj aŭ klonoj.

Kiel ajn via sinteno pri milit-filmoj, ĉi tiu serio ja pensigas nin pri la pravo kaj pravigeblo de militoj, kaj ĉu ni estas kondamnitaj porti nian militemon en la stelojn.

Stefan kaj Karina MacGill

## HURAO por HEROO!

La kvizon vi preskaŭ povos solvi se vi legis atente la artikolon; ne necesas ke vi estu vidinta la filmojn. Kiu el la kvar respondoj estas ĝusta? Notu la komenc-literojn de la ĝustaj respondoj!

| | | A | B | C | Ĉ |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | La heroo de parto 4 estas ______ SkyWalker. | Anakin | Luke | Obiwan | Windu |
| 2 | Tiu parto 4 estas fakte la _____ filmo kiun oni faris. | unua | dua | tria | kvara |
| 3 | "La forto estu ____ vi" estas slogano *inter la ĵedioj kaj iliaj amikoj.* | apud | inter | kun | sub |
| 4 | La scenoj sur planedo Tatuin estis filmitaj en _______. | Alĝerio | Egiptio | Libio | Tunizio |
| 5 | La dua filmo (kvina parto) nomiĝas "La ________ rebatas." | Galaksio | Imperio | Respub-liko | Universo |

| | | A | B | C | Ĉ |
|---|---|---|---|---|---|
| 6 | La kontraŭ-intenca milita heroo en la kvina parto estas JaJa _____. | Binks | Pinks | Vinks | Stinks |
| 7 | La roboto kiu parolas nur per BIP-sonoj kaj gvidas spacŝipojn estas... | CP30 | D2R2 | R2D2 | KMDR |
| 8 | En la sesa filmo (tria parto) suferis akcidenton kaj transformiĝis... | Anakin S. | Luke S. | Obiwan K. | Jabba H. |
| 9 | La nigra-kaska homo kiu transiris al la malluma flanko estas Darth... . | Bader | Fader | Raider | Vader |
| 10 | Kiam io ŝanĝiĝas kaj progresas de unu formo al alia, ĝi _______. | retro-fluas | evo-luas | malkon-gruas | kajtiel-pluas |
| 11 | La direktoro de la filma serio estas George _____. | Spiel-berg | Lucas | Soros | Wash-ington |
| 12 | Io, kiu baldaŭ estos unuafoje videbla estas _______. | aperonta | rigard-inta | miraklo | vidita |
| 13 | Homo kiu rigardas filmon en kinejo estas ________. | aktoro | parto-prenanto | idioto | spekt-anto |
| 14 | Alia vorto por "okazaĵo" estas _______. | vento | evento | sento | malkon-sento |
| 15 | Kiam oni ludas per la tempo, tio estas _______. | kom-prenebla | enua | simpla | riska |
| 16 | La kvina filmo (dua parto) nomiĝas "La atako de la _____" * | klanoj | klaŭnoj | klingonoj | klonoj |
| 17 | La forto kiu tiras objektojn al la centro de planedo estas _____. | magnet-ismo | gravito | orbito | lavito |
| 18 | Ĉiela korpo kiu rondiras planedon estas _______. | kometo | suno | luno | galaksio |
| 19 | La unua filmo de la serio aperis _____ proksimume dudeko da jaroj | antaŭ | dum | post | inter |
| 20 | La sola kiu ne aperas en la filma serio estas _________. | Siderius | Grafo Dooku | Joda | Vinil-kosmo |
| 21 | La sesa filmo enhavas surprizojn kaj estas ______. | antaŭ-videbla | ekscita | teda | la unua |

Nun la sekreta frazo. Metu la komenc-literon de ĉiu ĝusta respondo sinsekve en la subajn spacojn (*por demando 16 uzu la trian literon, ne la unuan).

**Kion devas fari ĝedi-heroo?**

☐☐☐☐☐ ☐☐☐☐☐,

☐☐☐☐☐☐-☐☐☐☐☐ !

# KVIZO POR LUDO PLEZURO

**La regularo troviĝas sur paĝo 12 de la antaŭa numero aŭ en niaj hejmpaĝoj**
*www.junaamiko.inf.hu ; www.lernu.net*

**SOLVOJ de n-ro 1/2005**

**A**

**1.** Mi ankoraŭ ne legis tiun libron. Sur la muro pendas bela bildo. Mi trinkis glason da akvo. **2.** libroj, kajeroj, glob-krajono, cirkelo, sport-ŝuoj, paperoj, skrap-gumo* **3.** Laŭ mi ŝi estas tre bela. Iru laŭ la barilo ĝis la angulo. Ŝi estas laŭmode vestita.* **4.** ronki, flugi, morti, ŝoforo **5.** kato > dukatoj **6.** En la rusa. Li estis 28-jar-aĝa.

**B**

**1.** Ŝi ĉiam ruĝiĝas. Ŝi ruĝigis al si la lipojn. La botelo pleniĝis. Mi plenigis ĝin. La vojo sekiĝis. La suno sekigis ĝin.* **2.** Estas la 9a kaj 15 minutoj/kvarono. Estas kvarono / 15 minutoj post la 9a (horo). **3.** golo, golej(ul)o, avanulo / atakanto, halfo, arierulo/defendanto, taĉo / tuŝ-linio, angul-ŝoto, pun-ŝoto, matĉestro* **4.** dano – lano **5.** Forigi obstaklon per energia ago aŭ perforte. **6.** a) Jules Verne b) Li mortis antaŭ 100 jaroj. c) Vojaĝo al la luno; Kapitano Nemo; En 80 tagoj ĉirkaŭ la tero; Du jaroj da ferioj.*

** Ekzistas ankaŭ aliaj ĝustaj solvoj*

## ILUSTRITA FRAZEOLOGIO

**El la libro de *Sabine Fiedler* kaj *Pavel Rak***

### *Rompi al si la kapon*



***Klarigo:***

***Cerbumi, pene streĉi sian penson pri io.***

*(Zamenhofa esprimo)*

***Ekzemploj:***

• Kelkfoje mi *rompas al mi la kapon* kiel ian aferon formuli por ke mi lin ne kolerigu. *(E. Urbanová: HETAJRO DANCAS, 1995, p. 184)*

• Ne plu *rompu al vi la kapon*! Rigardu, jen estas la solvo.

• Vane ŝi *rompis al si la kapon*, ŝi ne povis rememori, kiam kaj kie ŝi vidis ĉi tiun impertinentan, bel-aspektan knabon.

## POR KOMENCANTOJ

| | | |
|---|---|---|
| 1 | Korektu la frazojn: *Post belaj somero komenciĝis nova lerno-jaro. Mi renkontis malnovan amikojn kaj paroliĝis kun ili pri la pasotaj monatoj.* | 4 poentoj |
| 2 | Menciu almenaŭ tri bestojn, kiuj vivas en arbaroj. | 3 poentoj |
| 3 | Klarigu la diferencon inter subaj paronimoj per ekzemploj: *agordi – akordi, ĉasi – ĉesi, roso – rozo* | 3 poentoj |
| 4 | Faru almenaŭ 8 vortojn per la radiko *kor-*. | 4 poentoj |
| 5 | Kompletigu la proverbon. *Pli valoras tuj ovo ...* | 3 poentoj |
| 6 | Listigu minimume tri branĉojn de la bel-artaj konkursoj de UEA. | 3 poentoj |

## POR PROGRESINTOJ

| | | |
|---|---|---|
| 1 | Skribu ses frazojn, en kiuj vi uzos i.a. jenajn vortojn: *indulgenco, sumigi, harmonio, nutristino, elpatrujigi, leĝera.* | 3 poentoj |
| 2 | Skribu almenaŭ po du frazojn per jenaj homonimoj: *absolvi, plumo, sceno* | 3 poentoj |
| 3 | Nomu 3 premiitojn de la ĉi-jaraj belartaj konkursoj de UEA. | 3 poentoj |
| 4 | Listigu minimume kvar el la plej grandaj pontoj de la mondo. | 4 poentoj |
| 5 | Kompletigu la proverbon. *Tute libera, ...* | 3 poentoj |
| 6 | Menciu almenaŭ kvar plan-lingvojn. | 4 poentoj |

Sendu la solvojn al *Marija Belošević, Sveti Duh 130, HR-Zagreb, Kroatio* aŭ retpoŝte: *mbelosev@public.srce.hr* .

**La plej lertaj solvintoj de la aprila numero**
(Redaktis kaj korektis: *Dieter BERNDT*, Germanio)

**Kategorio A**

1. Romanova, Natalja (RU) 19 p.
   Vitkauskaite, Neringa (LT) 19 p.
   Grupo Sudava Marijampole (LT) 19 p.

**Kategorio B**

1. Grupo de Totaraitis (LT) 20 p.
2. Popoviciu, Eugenia (RO) 16 p.
   Efremova, Lenèe (MK) 16 p.
3. Molnár, Maria (HU) 14 p.

# VOJAĜO II

## Konversaciaj temoj

help-materialo por ekzamenotoj

Rubrikestro: Judit Felszeghy



### I. Fine ni estas en la trajno!

Post nelonge venas al ni diversaj uniformuloj:

– *Bonan tagon!*
– *Bonan tagon!*
– *Mi petas viajn biletojn! Ĉu vi vojaĝas al Novkastelo? Vi devas ŝanĝi trajnon en Vieno. Vi havos unu horon por trankvile iri al alia kajo. La trajno al Novkastelo ekiros je la 7.50 vespere, kaj vi alvenos sekvont-matene. Vi veturos en lit-vagono.*

Ĉu vi scias, kiu li estis? Jes, la bilet-kontrolisto, en bela malhel-blua uniformo.

Ni povas veturi sur rezervitaj sid-lokoj, sur kuŝ-lokoj, en litvagono, kie la kupeisto disdonas la litaĵon kaj aranĝas la litojn. ......

Poste venis aliaj:

Nun, bon-volu mem skribi/diri, kion vi respondus, kaj kio li estis!

– *Bonan tagon! Hungara land-limo. Bonvolu montri vian pasporton! Kien vi veturas?*

– ............................

– *Jes, dankon. Bonan vojaĝon!*




Kion vi pensas, kiu venis ankoraŭ? Doganisto.

Preparu similan dialogon kaj uzu la vortojn, esprimojn:

*Dogano, dogan-deklaro, plenigi, subskribi, devizo, valuto, malfermi, montri, io por deklari, stampi, kontroli, serĉi.*

### II. Alveninte trovu tranoktejon

Hejme ni decidis ĉi-foje restadi ne en kampadejo, tendaro, pensiono, privata ĉambro, ni jam pli frue mendis hotel-ĉambron, en Hotelo Alfa, kiu estas tre agrabla kaj ne tro kosta hotelo en tiu ĉi ripoz-loko.

## Akcept-ejo



– Bonan tagon, pri kio mi povas helpi?

– Bonan tagon. Mia nomo estas ... kaj antaŭ du semajnoj mi rezervis ĉambron por mi kaj mia amikino.

– Jes... •uste! •is la 8a, ĉu? Bela, du-lita ĉambro, kun duŝejo, necesejo kaj balkono al la mar-bordo! Sed vi povas elekti du unu-litajn ĉambrojn, aŭ ĉambron kun geedza lito, kun ban-ĉambro. La unulita ĉambro estas sen duŝejo, komuna banĉambro apartenas al apartamento, en kiu estas du unulitaj ĉambroj, kaj malgranda kuirejo.

Decidu, kiun ĉambron vi elektus!

Prenu la ŝlosilon, supreniru per lifto al via ĉambro, elpaku viajn aĵojn, kaj komenciĝos via tre atendata ferio! Bonan ripozon kaj agrablan restadon!



*apartamento:* loĝejo el pluraj ejoj / *balkono:* plata elstaraĵo de domo ĉirkaŭbarita / *devizo:* atestilo pri valuto / *dialogo:* interparolo / *dogano:* lim-pago por iuj komercaĵoj / *duŝi:* lavi per akvo fluanta desupre / *kajo:* altigita pavimaĵo, kiu plifaciligas en- kaj elvagoniĝon / *kontroli:* detale esplori / *kupeo:* fako de vagono por pasaĝeroj / *lifto:* lev-kestego en domo / *stampi:* fari oficialan markon per ilo sur dokumento / *pensiono:* domo, en kiu oni povas loĝi kaj manĝi laŭ interkonsentita mon-sumo / *trajno:* vagonaro / *uniformo:* serva vestaĵo, kiun portas membroj de sama profesio aŭ grupo / *valuto:* mono de fremda lando.

*Kion signifas la subaj vortoj?*

ŝip-ekskurso, vel-boato, vel-tabulo aŭ **surfo-tabulo**, bel-videjo, plaĝo, ĉefsezono, historia memoraĵo, subĉiela koncerto, sunumi, plonĝi, sunbruna haŭto, ĉiĉerono, akvo-skii, strando, rapid-manĝejo, kaldrono, informejo, krad-rosti, tol-/fald-seĝo, pneŭmatika matraco, sun-ŝirmilo

**NIA KULTURA HEREDAĴO**

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela amiko, elstara islanda poeto, Baldur RAGNARSSON. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel-konscia esperantisto, sukcesa pledanto por nia nobla ideo. (Red.)*

## 24 Miyamoto MASAO (1913-1989)

**BILDOJ EL LA HISTORIO**

**Miyamoto Masao** estas sendube la plej konata japana Esperanto-verkisto kaj poeto. Fakte ne svarmas Esperanto-poetoj en Japanio. En *Esperanta Antologio, poemoj 1887-1981*, nur 8 poetoj aperas en la tuto de 163 poetoj. Sed Japanio povas des pli fieri pri siaj esperantistaj erudiciuloj, kiuj dediĉis jardekojn al fundamentaj esploroj kaj eldontaskoj serve al la lingvo kaj ĝia kreinto, d-ro Zamenhof. Du nomoj estas ĉi tie aparte menciindaj: **Ito Kanzi** kaj **Rihej Nomura**. *Ito Kanzi*, kiu famiĝis sub la pseŭdonimo *Ludovikito*, plenumis la gigantan taskon kolekti, aranĝi, komenti kaj eldoni la tutan verkaron de Zamenhof, originalan kaj tradukitan. *Rihej Nomura* kompilis la valoregan libron *Zamenhofa Ekzemplaro*, kiu entenas esprimojn ligitajn al ĉiuj vortoj, kiujn Zamenhof uzis en frazoj. Tiuj du sindonemaj homoj faris nesupertakseblajn servojn al la Esperanto-kulturo.

*Miyamoto Masao* naskiĝis en vilaĝo borde de rivero, aŭ kiel oni povas konstati el lia poemo *Ĉe flu' hejm-loka.* Li vizitis sian hejmlokon multajn jarojn poste kaj trovis ĉion draste ŝanĝiĝinta; la rivero suferis, eĉ la surborda roko, de kie li knab-aĝa plonĝis en la river-fluon, malaperis:

*Jam ne profundas*
*l'amika flu' hejmloka!*
*Ho, kie iam*
*mi preskaŭ dronis? Kie*
*nun la plonĝejo roka?*

La formo de la poemo estas la japana *utao*, 5 linioj kiuj konsistas el 5, 7, 5, 7, 7 silaboj. Tiu formo kaj la parenca *hajko* (3 linioj kun 5, 7, 5 silaboj) estas multe ŝatataj ĉe la japanaj Esperanto-poetoj. La poemlibro de Miyamoto havas la titolon *Invit' al japanesko* (1971) , „japanesko" signifanta 'poemo subtilnuanca laŭ japana tradicia stilo'.

*Miyamoto Masao* havis karakteron de aktiva idealisto. Li estis membro de la japana komunista partio kaj multe laboris pri organizado de laboristaj sindikatoj. En 1944 li servis kiel soldato en Okinavo kaj partoprenis la batalon sur tiu insulo kontraŭ la usona armeo. Pri tiu terura sperto li verkis eksterordinaran libron, *Naskitaj sur la ruino - Okinavo* (1976). En postparolo li priskribis, kiom malfacile estis por li rakonti pri tiu batalo: „Mi komencis tajpi, sed tuj forlasis, komencis kaj forlasis... dum tiu tempo mi baraktis ne pro la malemo nek pro malvervo, sed io longe malhelpis min verki."



M*iyamoto* eklernis Esperanton en 1933, tiam en karcero. Ekde 1950, eksiĝinte el ĉia politika agado, li laboris ekskluzive por Esperanto. Li fariĝis sekretario de la Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj (KLEG). En aprilo 1981 mi estis tiel bonŝanca renkonti lin en la oficejo de la Ligo en Kyoto. Ni ne parolis pri lia vivo, sed pri liaj libroj kaj kion ili respegulas. Ĉar Miyamoto estis homo sentema pri lirika poezio kaj ĉiaj nuancoj de animaj zorgoj kaj konfliktoj. Ĉi tion li plej bone montras en sia libro *Pri arto kaj morto* (1967). Tie lia fantazio psikologie rekreas cirkonstancojn de ekstremoj en la vivo de japanaj poemmajstroj de antaŭaj tempoj – *Okura, Rikyu, Basyo,* kaj pliaj. Tiu libro de Miyamoto bele atestas lian psikologian penetremon kaj lian profundan sentemon pri detaloj, kiuj solaj povas rekrei fidindan atmosferon.

Miyamoto estis diligenta tradukinto de japana literaturo en Esperanton. Tie elstaras liaj tradukoj el la tradicia japana poezio pri kiu li estis specialisto. Aparte interesaj estas liaj ideoj, kiel traduki la japanajn verso-formojn *hajko* kaj *utao* en Esperanton. Pri tio kaj plio oni povas legi en lia eseаro *Sarkasme kaj entuziasme* (1979).

En 1983 aperis la granda *Vortaro Japana-Esperanta*, kompilita de Miyamoto Masao. Ĝi ampleksas 1083 paĝojn. Eble oni rajtas konsideri ĝin la ĉefverko de Miyamoto. Per ĝi li okupas lokon sur la sama honora benko kiel la erudiciuloj menciitaj komence en tiu ĉi artikoleto. Kaj lian literaturan agadon oni povas rigardi kiel abunde floran girlandon ornamantan lian lokon de honoro.

# Ne ĉiuj ŝatas arte-faritan belecon

Fati estas nigra fraŭlino, kiu loĝas en Parizo. Ŝia naskiĝ-lando estas Burundio. Iu parizano, al kiu plaĉis nigraj fraŭlinoj, enamiĝis al Fati. Post kelkaj monatoj la parizano decidis edziĝi al Fati, al kiu plaĉis blankaj fraŭloj kaj kiu delonge tre bedaŭris pri la nigra koloro de sia haŭto.

Por paroli pri sia endziniĝo kun la parencoj, Fati revenis al Burundio. Dum sia restado hejme, ŝi decidis blanketigi sian haŭt-koloron uzante beligaĵojn por iĝi bel-vizaĝa kaj bel-aspekta. Nigraj fraŭlinoj ofte uzas tiajn beligaĵojn por ke ilia haŭt-koloro fariĝu blanketa. Tamen, Fanta – la fratineto de Fati – ne ŝatas tiujn beligaĵojn. Pro tio Fati tre mokis ŝin. Ŝi diris al Fanta, ke ŝi estas necivilizita, ĉar ŝi ne ŝatas beligaĵojn, kiuj blanketigas la haŭt-koloron.



Kiam Fati revojaĝis al Parizo, ŝia fratineto Fanta akompanis ŝin. En la flug-haveno la pariza fianĉo malpacience atendis sian fianĉinon. Tuj, kiam la aviadilo haltis sur la rul-vojo, Fati ekvidis sian karan fianĉon inter la atendantoj. Ŝi rapide malsupreniris el la aviadilo por brakumi lin. Kiam la du fratinoj aperis antaŭ la parizano, tiu ĉi ektremis kaj demandis al ili: „Kiu estas mia fianĉino?" „Estas mi", respondis Fati, la blanketa fraŭlino.

La parizano rigardadis ŝin silente, kaj post momento, li diris al ŝi: „Lasta-tempe vi estis bela nigra fraŭlino, sed nun vi estas malbela blanketa fraŭlino. Mi ne pensis, ke vi estas tiel stulta. Pro tio mi preferas edziĝi al via kamaradino (Fanta, la nigra fraŭlino)."

Kaj la parizano vere edzinigis Fantan. De tiam la du fratinoj estas malamikoj. Fati neniam revenis hejmen; kaj eĉ nun ŝi vagadas tage-nokte sur la parizaj stratoj...

*Michel NKWIRIKIYE, Tanzanio*

*abomeni:* malamegi / *akordo:* sameco de pensoj, opinioj / *arbusto:* arbetaĵo / *aromo:* bon-odoro / *Budho:* fondinto de budhismo (religio) / *emocii:* forte tuŝi la animon / *funebro:* kor-doloro pro ies morto / *funkcii:* agi por plenumi sian taskon / *karesi:* milde tiri manon sur ies korpo-parto; esprimo de amo / *karno:* senosta korpo-parto / *medikamento:* kuracilo / *menso:* tiu parto de estaĵo, kiu prilaboras informojn / *motivo:* tio kio igas iun agi / *najlo:* metal-stangeto, kiu firme fiksas ion al io / *oblikva:* duon-flanken / *palaco:* belega luksa domego / *paralizi:* igi iun ne mov-kapabla / *pepi:* birde voki alt-voĉe / *plonĝi:* malsupren ĵeti sin preskaŭ rekte / *povra:* kompatinda / *princo:* reĝido, alt-ranga junulo / *prudenta:* kapabla ĝuste konduti / *rabi:* sen konsento forpreni ies posedaĵon / *sago:* pinta rektaĵo elpafebla per arko / *sekura:* ne estanta en danĝero / *singulti:* ripete eligi bruon el la gorĝo / *staturo:* alteco de homa korpo / *sufoki:* premi por ne enlasi aeron en la gorĝon / *supla:* elasta, malrigida / *tragika:* tre malĝojiga / *turmenti:* intence kaŭzi al iu doloron.

# HO, KIAL VI PAROLIS?

Post unu el siaj antaŭaj naskiĝoj, Sinjoro Budho meditis pri homaj suferoj kaj konstatis, ke vere estas sennombraj ĝenaĵoj, kiuj turmentas la homaron. Kelkaj turmentas la korpon, aliaj la menson. Bedaŭrinde ili ambaŭ forrabas la homan feliĉon. Jen pro tio la homaro estas malgaja. Ekzistas medikamentoj, kiuj povas aŭ mildigi aŭ sensentigi la korpan doloron, sed la mensa doloro ne estas tiel facile kuracebla. Estas vere, ke multe da vortoj, kiuj elbuŝiĝas, vundas la homojn. Ili pikas la koron kiel sagoj. Kelk-foje, malgraŭ plej puraj motivoj, la vortoj, kiujn oni elparolas, estas miskomprenataj kaj estigas nenecesajn malpacon kaj malakordon. Sinjoro Budho decidis, do, ke en sia venonta enkarniĝo li regos sian langon, kaj parolos nur kiam estos absolute necese.



En sia sekvanta enkorpiĝo li estis la unua filo de la Hinda Reĝo. Iom post iom la filo kreskis kaj iĝis bela kaj forta. Suplaj estis liaj membroj, hela estis lia vizaĝo kaj pro komprenemo liaj okuloj disradiis lumon kiel steloj; sed eĉ ne unu vorton li parolis. Li estis nek surda, nek muta, ĉar li sekvis la ordonojn de siaj gepatroj kaj ĉiam agis prudente. Malgraŭ pen-plena kaj daŭra klopodado de la reĝo kaj reĝino ili sukcesis elbuŝigi eĉ ne unu vorton el sia filo. Pro tio ili multe malĝojis. Saĝuloj kaj kuracistoj ne povis klarigi la kialon de la silentado de la reĝido. Kiam ĉia penado malsukcesis, la reĝo anoncis, ke tiu, kiu povos paroligi la princon, ricevos riĉan rekompencon.

Jaroj forpasis; la reĝido jam iĝis junulo alt-statura, hel-haŭta, forta kaj treege bela, sed kiel ĉiam, li estis senvorta. Li ege ĝuis fari promenadon for de la palaco, en la apuda arbaro kaj pace ripozi tie.

Kiel kutime, iun tagon, li iris en la arbaron kaj kuŝiĝis sur la verda mola herbaro, kiu similis al verda tapiŝo. Li ĝuis la luliĝantajn branĉojn, foliojn kaj la belegajn florojn de la arbegoj. Milda venteto alportis aromon de floroj kaj karesis la junulon. Li estis ĝuanta feliĉegon, kiam vekis lin batado de flugiloj de birdoj flugantaj fuĝe kaj senorde.

La princo sidiĝis, ĉirkaŭrigardis kaj vidis ĉasiston, kiu celis al du birdoj. La aliaj jam forflugis. La du birdoj flugis jen alten, jen flanken, jen oblikven por eviti pafaĵon. La ĉasisto kure sekvis ilin, la birdoj fuĝis. Post

flugado jen unu-direkten, jen ali-direkten, la birdoj subite kaŝis sin malantaŭ densa foliaro de alta arbego, kaj la ĉasisto ne plu vidis ilin. Dum li serĉadis, la birdoj subite plonĝis en densan arbuston, ne tro malproksime de la princo. Post vana serĉado la ĉasisto venis al la sama arbusto, kie sin kaŝis la birdoj. Pro laciĝo la ĉasisto sidiĝis por ripozi. Bedaŭrinde, la birdoj ne sciis, ke tute proksime troviĝis ilia mortigonto. Sentante sin sekuraj, ili vokis unu la alian pepe. Aŭdinte ilian pep-sonon, la ĉasisto, sperta en sia profesio, levis sin kaj pafis ilin tuj. La povraj birdoj falis surteren mortontaj.

La reĝido, ĝis tiam silenta atestanto de la tuta tragika dramo, sentis egan kompaton al la birdoj kaj ene pensis: *„Se ili estus silentaj, ili ne estus pafitaj...”* kaj tuj irinte al la mortontoj, li kun larmo-plenaj okuloj, karesis ilin kaj plor-singultis. El lia koro fontis tre forta emocio, kaj ne povanta reteni la sufokajn sentojn, liaj lipoj malfermiĝis, kaj la unuan fojon ame elbuŝiĝis jenaj vortoj:

*„Ho! Ki-al Vi Pa-ro-li-s ?”*

La afabla, mola kaj kompato-plena koro de la princo preskaŭ krevis pro la abomena fago de la ĉasisto. Li metis la mortantajn birdojn sur siajn genuojn kaj, dum larmoj fluadis laŭ liaj vangoj kiel riveretoj, li karesis ilin ĝis ilia morto.

La ĉasisto vidis ĉion, kio okazis antaŭ liaj okuloj. La reago de la princo, lia kompato al la birdoj, kaj la karesoj, per kiuj li volis mildigi la suferadon, tute skuis lin, kaj preskaŭ paralizis lin. Li staris kvazaŭ alnajlita al la tero. Li aŭdis la plor-singulton de la estonta reĝo, kiu ploris, kiel plorus tiu, kiu funebrus la morton de sia plej proksima parenco. Tian amon al du birdoj, li neniam vidis... Kaj pasis iom da tempo, kiam lia cerbo subite ekfunkciis. Iom post iom li ekkonsciis, ke la princo **parolis**!!! Li rememoris pri la anonco de la reĝo, ke tiu, kiu paroligos la princon, ricevos grandan sumon. Tiu penso tute ekscitis lin, kaj ne pensante pri tio, ke krom li, neniu alia homo estas kunatestanto, kuregis al la palaco por sciigi la reĝon.

La kortego estis jam plena. La reĝo sidis sur la trono kaj la korteganoj estis sur siaj sid-lokoj. Fortege spirante, la ĉasisto eniris kaj petis permeson de la reĝo por raporti tre plaĉan novaĵon. La reĝo kap-jesis kaj la ĉasisto diris, ke ĵus antaŭ kelka tempo, li paroligis la princon. Malgraŭ lia ekscitiĝo, klare videbla al ĉiuj, nek la korteganoj nek la reĝo kredis al li. Regis silento... Ili atendis la alvenon de la princo...

Fine, alvenis la filo, kaj la reĝo tre atenteme observadis lin. Ankaŭ la korteganoj atendis vidi ian ŝanĝon en la konduto de la reĝido, sed trovis nenion. La reĝo volis paroligi sian filon, sed vane. Kiel ĉiam, la filo restis silenta. Kvankam la sciigo de la ĉasisto, ke li paroligis la princon, kredigis neniun en la kortego, tamen flagretis en ĉies koro espereto, ke la

princo parolis. Sed post la vaniĝo de la reĝa provo, ankaŭ tiu eta espero estingiĝis. Kompreneble, la reĝo furiozis. Li opiniis, ke la ĉasisto, per mensogo, celis gajni la premion. Do, li kondamnis lin al pendumo... Nu! Jen la kaprico de la SORTO!!!

*Anstataŭ premio, pendumo!!!*

Ekploris la ĉasisto. Li ploregis. Torente gutis larmoj. En la princo videbliĝis nenia reago; kiel kutime, li estis silenta. La kondamnito falis surventren kaj kaptis la piedojn de la princo. La nura penso, ke baldaŭ li estos pendumota, preskaŭ paralizis lin. Lia korpo frosto-tremis. Post peniga forto-streĉo li trovis vortojn kaj plorplendis: „Ho! Princo! Savu min. Nur vi scias, ke mi parolas la veron, ĉar antaŭ-nelonge, en la arbaro, kie vi estis, mi paf-mortigis du birdojn. Egan kompaton kaj simpation vi montris al la birdoj. Vi ploris kvazaŭ vi estus perdinta plej proksimajn parencojn. Mi estis la sola atestanto de via tiea reago. Tiam ne tuŝis min via emociiĝo. Nur avido kaptis min kaj senpripense mi kuris al la kortego por ricevi la premion. Kia stultaĵo! Kun koro plena de amo vi karesis la mortantajn birdojn ĝis ili mortis, kaj mi ne havis eĉ etan komprenon pri via nobla molkoreco. Mi ne plu deziras havi rekompencon. Unu guto da amo, kiun vi verŝis sur la birdojn nun savos min. Do, mi petegas al vi. Sole vi povas konvinki vian patron. Mi petas vin paroli almenaŭ kelkajn vortojn. Mi ĵuras al vi, ke de nun mi neniam vundos, mortigos aŭ turmentos iun ajn estaĵon. Kaj mi ne deziros eĉ unu moneron. Mi promesas resti fidela al miaj vortoj. Mi petegas, savu min." Kaj la pendumoto ploregis konvulsie...

En la kortego estis morta silento. En ĉies koro vekiĝis la espero, ke fine, la princo ekparolos. Ĉies rigardo direktiĝis al la reĝido.

Unue, la suferado de la birdoj vekis en li kompaton, kaj nun la malfeliĉa stato de la ĉasisto, kiu ne sci-povis silenti, kaj pro kio li nun estas kondamnita. Ĉio ĉi tuŝis la molan koron de la princo. Lia koro, kiu ne povas elteni suferadon de iu ajn estaĵo, denove pleniĝis pro kompato kaj simpatio. Li levis la plorantan homon kaj rigardis al liaj okuloj. Kaj la okuloj de la princo pleniĝis per larmoj... Ĉiuj vidis klare, ke la belulo luktas kontraŭ amo-plenaj sentoj, kiuj nun sufokas lin.

Post kelka tempo la lipoj de la princo malfermiĝis kaj li la duan fojon diris:

*„Ho! Ki-al Vi Pa-ro-li-s ?"*

*S-ino Saranath, Hindio*

***Pied-notoj sur paĝo 42!***

## *PROVERBO*

***Parolo estas arĝento, oron similas silento.***

## Intervjuo de Saliko

# KUN JAPANA MOND-VOJAĜANTO per Esperanto

En februaro venis al Finnlando Joiĉi, vojaĝanto el fora oriento. Ĉar lia vojaĝmaniero povas ŝajni al multaj iom nekutima kaj tre interesa, mi intervjuis lin. *(Pardonu, ke la intervjuo povas aperi nur en la septembra n-ro. La redaktoro)*

**Mi**: *Kial vi lernis Esperanton?*

**Li**: *Kiam mi estis 13-jara, mi eksciis pri Esperanto kaj tuj interesiĝis pri ĝi. Ĉirkaŭ dek jarojn poste mi trovis turisman broŝuron, kie estis dirite, ke per Esperanto kaj Pasporta Servo oni povas vojaĝadi malmulte-koste. Mi pruntis librojn el biblioteko kaj eklernis Esperanton memstare. Al mi plaĉas ankaŭ la interna ideo de Esperanto.*

**Mi**: *Kiujn landojn vi vizitis ĝis nun? Kaj ĉu vi profitas de ret-poŝto? Mi vidas, ke telefonon vi ne havas.*

**Li**: *Ĉiujn Eŭropajn landojn krom Estonion kaj Islandon, sed mi baldaŭ vizitos Estonion kaj Rusion. Sen retpoŝto kaj Interreto mi ne povus vivi.*

**Mi**: *Kaj tra kiuj landoj vi venis al Eŭropo?*

**Li**: *Tra Azio, kompreneble: Sri-Lanko, Nepalo, Pakistano, Hindio, Irano, Turkio...*

**Mi**: *Ho, kiom longe vi vojaĝis?*

**Li**: *Mi ekvojaĝis antaŭ tri jaroj. Unue, mi laboris kaj ŝparis monon. Mi estas inĝeniero. Mi loĝis senpage ĉe la gepatroj kaj nun mi povas vojaĝi, sed ne lukse.*

**Mi**: *Ĉu vi travivis malfacilaĵojn?*

**Li**: *Fakte ne multajn. Ie en Hindio mi suferis pro la stomako, pro io tie manĝita, sed kutime ĉio iras glate. Okazis ankaŭ ke mia pasporto estis ŝtelita, kaj nur per granda peno kaj mono mi povis havigi al mi novan.*



**Mi**: *Ŝajnas al mi, ke vi bone adapiĝas al ĉiaj viv-kondiĉoj kaj vi bone elturniĝas per Esperanto kaj ankaŭ la angla.*

**Li** (modeste): *Nu ja, ni, japanoj ne laŭdas nin mem. Ni neniam diras, ke ni ion bone faras.*

**Mi**: *Ĉu vi povus mencii alian misaventuron el via vojaĝo?*

**Li**: *En Makedonio ekatakis min novnazio. Feliĉe ne estis nokto kaj troviĝis aliaj homoj sur la strato. En ĉiu lando troveblas kaj bonaj kaj malbonaj homoj.*

**Mi**: *Kaj kiajn avantaĝojn havas via vojaĝ-maniero?*

**Li**: *Vojaĝante per Pasporta Servo oni povas vidi la ĉiu-tagan vivon en la vizitataj landoj kaj renkonti gastigantojn amikemajn.*

**Mi**: *Ĉu ĉiuj gastigantoj bone parolas Esperanton?*

**Li**: *La lingvo-nivelo tre varias, unuj parolas preskaŭ perfekte, aliaj scias nur kelkajn vortojn.*

**Mi**: *Vi mem havas riĉan vorto-stokon. Kiel vi sukcesis havigi al vi tiun vorttrezoron?*

**Li**: *Mi ja delonge parolas preskaŭ nur en Esperanto, kaj mi multe lernis de la gastigantoj.*

**Mi**: *Ĉu vi pentas, ke vi venis al Finnlando? Estas ja vintro kaj malvarme.*

**Li**: *Tute ne mi pentas. La vetero estas pli agrabla ol en Germanio en novembro-decembro.*

**Mi**: *Bonvolu diri du aŭ tri interesaĵojn, kiujn vi vidis aŭ aŭdis en Finnlando. Mi esperas, ke ankaŭ en nia malgranda municipo (960 loĝantoj) vi trovis ion vidindan.*

**Li**: *En Turku ni havis Esperantan renkontiĝon. Mi antaŭe sciis, ke finnoj estas silentemaj, sed ili ne estas pli silentemaj ol aliaj skandinavoj. Ĉe vi min interesis la vizitoj al la lernejo kaj preĝejeto de la pentekostanoj. Surprizis min la monumento pri la homoj, kiuj mortis pro malsato en la 1860aj jaroj, kiam greno ne kreskis pro la malvarmegaj someroj. Mi bedaŭras nur tion, ke mi ne havas tempon konatiĝi kun la kulturo pli profunde. Mia restado ĉie estas plimalpli supraĵa. Mi bezonus multe pli da tempo por bone elkoni la landojn.*

**Mi**: *Jes, por tio oni bezonus pli da vivoj ol unu!*

*Saliko, Finnlando*

*adapti:* fari taŭga al iu celo aŭ medio (= ĉirkaŭaĵo) / *biblioteko:* publika librejo / *broŝuro:* kajer-aspekta presaĵo / *intervjuo:* artikolo en formo de interparolo, dialogo / *monumento:* publika artverko al la memoro de iu aŭ io, el ŝtono plej ofte, en urbo-placo / *municipo:* sendependa loĝloko / *nazio:* membro de germana partio de Hitlero (1920-1945) / *pentekosto:* festo de somerkomenco (en la norda hemisfero); *pentekostano:* ano de religia grupiĝo kristana / *perfekte:* senmanke, senerare / *stoko:* kvanto da varoj, objektoj, ĉi tie: vortoj / *trezoro:* kolekto de valoraĵoj.

*POR BONA LINGVO-SCIO*

# LINGVA DOKTORO

H

## Pri la vort-ordo en Esperanto

Dank' al akuzativo Esperanto havas liberan vortordon. Malgraŭ pluraj proponoj forigi la n-finaĵon, Zamenhof petis la uzantojn de la lingvo konservi ĝin. La tragika sorto de Ido (reformita Esperanto, kiu ekzemple ne havas akuzativon) pruvas lian pravecon, eĉ se por pluraj popoloj en la komenca etapo de la lingvo-lernado la uzado de akuzativo kaŭzas malfacilaĵojn. Rekompence oni ricevas liberan vortordon, kiu garantias klarecon kaj ofte malebligas miskomprenon, kio aparte gravas ĉe internacia lingvo, kiun oni uzas sub influo de la gepatraj lingvoj de plej diversaj formoj.

Prezentu al vi, ekzemple, du esperantistojn, unu el kiuj havas denaskan lingvon kun akuzativo por esprimi la objekton de la frazo, sed la gepatra lingvo de lia partnero havas akuzativon nur ĉe kelkaj pronomoj kiel: *min, vin, kiun, ĉiujn* k.t.p. Ĉi-lasta ofte deklaras: por kio havi akuzativon! Ĉiu komprenas ke, se *Adamo amas Eva*, *Adamo* estas la subjekto, kiu amas kaj *Eva* estas la objekto, kiun Adamo amas. La vortordo klare montras ĉion, la subjekto ĉiam staras antaŭ la predikato (amas) kaj la objekto post la predikato. Nu, jes, vere, sed per tio malebliĝas tio, kion la unua povas esprimi, nome: *Evan amas Adamo*, t.e. ne iun alian fraŭlinon, ĉar la dua (sen akuzativa finaĵo) ne povas diri: *Eva amas Adamo*, ĉar ĉi-okaze tute ŝanĝiĝas la senco de la frazo, kiel ni vidis supre ĉe *Adamo amas Eva*. Homo, kies gepatra lingvo ĉiam distingas nominativon (subjekton) kaj akuzativon (objekton) povas komenci la frazon per la vorto kiu havas apartan emfazon. Komparu la frazojn: *Per aŭtobuso ni venis. – Ni venis per aŭtobuso. / Hodiaŭ mi ekiris je la 7a. – Je la 7a mi ekiris hodiaŭ. / Aĉetu por mi papagon, ne kuniklon. – Papagon aĉetu por mi, ne kuniklon. – Por mi papagon aĉetu, ne kuniklon. – Ne kuniklon, papagon aĉetu por mi.* Ĉiuj frazo-paroj komunikas la saman penson, tamen ĉiu sentas, ke ekzistas inter ili certa stila diferenceto.

Notu bone: absolute libera vortordo ne ekzistas. La elementojn de sintagmoj (vortgrupetoj, kiuj esprimas unu penseron) oni ne povas disloki. *En la domo* ne estas direbla: ~~la domo en~~ (kvankam hungaroj kaj finnoj, ekzemple, diras tiele), des pli ne ~~domo la en~~. Sed sintagmoj povas ŝanĝi siajn lokojn. Vidu ekzemple: *Post lia alveno ŝi akompanis lin en la ĉambron kun granda ĝojo. – Kun granda ĝojo ŝi akompanis lin en la ĉambron post lia alveno. – En la ĉambron kun granda ĝojo ŝi akompanis lin post lia alveno.* Kaj ekzistas ankoraŭ kelkaj variantoj, tiom pli, ke *granda ĝojo* estas direbla ankaŭ kun inversa vortordo: *ĝojo granda* (notu bone: postmetita epiteto donas apartan akcenton al la epiteto).

En Esperanto estas grava regulo por la vortordo, nome: la subjekto kaj la predikato troviĝu kiel eble proksime unu al la alia, t.e. oni ne intermetu plurajn sintagmojn kiel en la sekva frazo, ekzemple: ***Mi** hieraŭ vespere antaŭ la teatro longe **atendis** vin*. Eĉ se via nacia lingvo preferas tian frazo-strukturon, konstruu la frazon ekzemple jene: *Hieraŭ vespere **mi** longe **atendis** vin antaŭ la teatro*. Aŭ: *Antaŭ la teatro **mi** longe **atendis** vin hieraŭ vespere*. Ni rekomendas al vi intermeti nur simplajn adverbojn kiel *jam, ankoraŭ, tre, ĉiam, apenaŭ, nur...* aŭ e-adverbojn:

*daŭre, severe, malfrue, diligente, haste*... Escepto estas la kompleksaj frazoj, kiam la subjekto havas subpropozicion, kiu devas tuj sekvi la subjekton. Vidu ekzemple: ***Eva**, kiu estas mia plej bona amikino,* ***invitis*** *nin al si.* La intermetita propozicio (ne forgesu apartigi ĝin per komoj, por klare videbligi la strukturon!) ne povas stari en alia loko, ĉar *kiu* retromontras al la plej proksima antaŭa frazero. Ĉiokaze, por klara kompreno, aparte gravas, ke la intermetitan propozicion tuj sekvu la predikato.

Ĉi-supre mi diris, ke oni komencas la frazon per la plej grava elemento. Tio tamen ne ĉiam validas. Mi ĝustigas jene: Por turni la atenton al iu frazero oni metas ĝin al ***nekutima, surpriza loko***. Komparu la du frazojn: *Ĉu vi solvis la taskon sola? – Ĉu solvis vi la taskon sola?* En la dua frazo la postmetita pronomo *vi*, kio tre maloftas, en ordinara dialogo, tre akcentas la subjekton, ĉu ne? Simile: *Iru vi, mi restas. Mi pagis eŭrojn dek por kilogramo da pomo!* (Ĉiu sentas, ke la parolanto trovas la prezon tro alta.) *Vinon dolĉetan li ŝatas, ne acidetan* (pri la postmetita epiteto mi jam parolis supre).

Por ordinara esperantisto tiom sufiĉas pri la vortordo, sed se vi deziras verki poemojn aŭ traduki artverkojn, nepre konsultu la Plenan Analizan Gramatikon (PAG).

*Geza Kurucz, Hungario*

*akuzativo:* vorto kun n-finaĵo / *nominativo:* o-vorto sen prepozicio / *objekto:* frazero, kiu respondas la demandon: kion, kiu(j)n / *predikato:* la plej grava frazero, kiu konstatas ion pri la subjekto / *propozicio:* parto de kompleksa frazo, enhavanta predikaton / *sintagmo:* frazero el unu aŭ pluraj vortoj / *subjekto:* frazero, pri kiu oni konstatas ion.

## Sukaj esprimoj kun MANO

**Mano manon lavas.**
*(Oni interhelpas sin reciproke)*

**lavi al si la manojn**
*(provi sin tute senkulpigi)*

**Sperta mano ne restas sen pano.**
*(Sperta homo ĉiam prosperas.)*

**Mano dekstra ne sciu, kion faras la maldekstra.**
*(Oni ĉiam decidu egale juste.)*

**Du manoj faras ĉion, sed unu nenion.**
*( Kolektive oni povas solvi ĉion.)*

**havi ion sub la mano**
*(io estas tuj uzebla)*

**ligi la manojn al iu**
*(senigi iun de ag-libero)*

**foriri kun malplenaj manoj**
*(ne povi ĉe iu atingi sian celon)*

**fali en la manojn de iu**
*(esti kaptita de iu; plene dependi de iu)*

**lia vivo estas en viaj manoj**
*(lia vivo tute dependas de vi)*

**liaj manoj estas makulitaj per sango**
*(li mortigis iun fizike aŭ metafore)*

**levi la manojn al la Eternulo**
*(peti la helpon de Dio)*

**premi al iu la manon**
*(man-premo estas signo de amikeco)*

**lasi fali la manojn** *(senkuraĝiĝi)*

**peti ies manon** *(proponi edzinigon)*

**edziĝo per la maldekstra mano**
*(neleĝa edziĝo)*

**kunmeti la manojn** *(preĝi)*

**interplekti la manojn** *(perdi esperon)*

**havi ion ĉe-mane**
*(havi ion tute proksime kaj uzo-prete)*

*metafore:* en figura, nekonkreta senco

## *Kiel paroli pri bildoj?* (Por ekzamenotoj) ➤

**1. Oni distingas bildojn laŭ aplikata tekniko:**

*Grafiko* – estas propre desegna arto, t.e. kiam oni kreas bildon per linioj, per grafita aŭ koloraj krajonoj, plumoj, kretoj, tuĉo.

*Pentraĵoj* – kreante pentraĵon oni uzas penikon kaj diversajn farbojn. Distingiĝas pentraĵoj ankaŭ laŭ la materialo, sur kiu oni pentras: sur papero (ekzemple akvareloj), sur tolo (oleo-pentraĵoj), sur tabulo (ikonoj), sur muro (freskoj)

*Fotoj* – estas bildoj faritaj per fotiloj. Fotoj povas esti nigra-blankaj aŭ (plen)koloraj

**2. Laŭ la temo de la art-verko ekzistas ĝenroj:**

*Portreto* – estas bildo, kiu prezentas personon, plej ofte buston.

*Muta naturo* – sur la antaŭa plano vidiĝas besto, floro aŭ frukto en vazo, telero, korbeto, k.a.

*Pejzaĝo* – bildo de bela vidaĵo de la naturo.

*Mor-pentraĵo* – montras epizodon el la socia vivo de iu hom-grupo.

*Religia bildo* – prezentas epizodon el la Biblio.

**3. Detala priskribo de bildo:**

Vidu la paĝon 50 de n-ro 112 de nia revuo.

**4. Kion la aŭtoro volas interpreti per sia verko?**

## *Kaj nun sekvas ekzerco laŭ la apuda bildo 1!*

- Ĉu la bildo estas kopio de kolora foto? *Ne, ĝi estas kopio de oleopentraĵo.*
- Kiu estas la aŭtoro? *Rusa pentristino Zinajda Serebrjakova*
- Kion prezentas la pentraĵo? *La titolo de la bildo esprimas la esencon: Tagmanĝon de tri ĉarmaj infanoj: du knaboj kaj unu knabineto.*
- Kio staras en la centro de la bildo? *La riĉe primetita tablo, ĉirkaŭ kiu sidas la infanoj. En la dekstra supra angulo vidiĝas nur la mano de patrino aŭ servistino, kiu ĉerpas supon al la dua knabo.*
- Kion vi vidas sur la tablo? *Ĝi estas kovrita per blanka tablo-tuko. La ĉeflokon okupas bela plado el fajenco aŭ porcelano kun or-flava, tre ver-ŝajne, viando-supo. Sur la tablo estas kvar teleroj, unu el kiuj jam enhavas supon, la dua nun estas plenigata, en la tria estas mano de la knabineto. Eble ŝi ne deziras/ŝatas supon. Mi vidas ankoraŭ flavan kruĉon, glasojn, tasojn, bovlojn, salujon...*
- Parolu iom pri la vestoj kaj koloroj (vd. p. 50 de n-ro 112), mi petas. *Ili ĉiuj surhavas bluajn ĉemizojn, la knabineto portas senmanikan blankan mantelon. La malsupraj vestoj ne estas videblaj.*
- Kiaj estas la infanoj? *Ili estas ĉirkaŭ 3 ĝis 8-jaraj ĉarmaj geknaboj. Escepte la plej aĝan ili rigardas al ni kun sci-volemo.*



① Z.J.Serebrjakova (1884-1967): TAGMANĜO



② I.J.Repin (1844-1930): PORTRETO DE L.N.Tolstoj, apoganto de Esperanto



③ Z.J.Serebrjakova: SIN-KOMBADO

